FEBRUARO-MARTO 1935 Aperas dekfoje dum la jaro DUA NUMERO

# Literatura Mondo




Redakcio kaj administracio: Hungarujo, Budapest, IX., Mester ucca 53, V. 5

**Abonprezo por jaro: 9·—, duonjaro: 5·—, unu ekz.: 1·— svisaj frankoj, specimeno; 1 resp. kupono**
Kolektiva abono la duonon. Por kurzsuferaj landoj favoraj prezoj. Petu detalajn informojn.

**Averto:** Manuskriptojn la redakcio ne redonas. La rajton, fari en ĉiu ensendita manuskripto stilajn korektojn la redakcio rezervas por si, se la verkinto aŭ tradukinto anticipe ne protestas.
La redakcio akceptas nur unuflanke maŝinskribitajn artikolojn kun sufiĉe larĝaj marĝeno kaj liniaj interspacoj. Escepte tamen estas akceptataj manuskriptoj kun *desegnitaj* aŭ tre klare skribitaj literoj.



# Niaj reprezentantoj:

AUSTRIO: Rudolf Foltanek, Wien, I. Herrengasse 2—4. Poŝtkonto nro 19.704
AUSTRALIO: L. E. Thomson, p. a. R. G. Rawson, Melbourne 185 Exhibition Str.
BELGUJO: Belga Esperanto Instituto, Antwerpen, 21, Willemstraat. Poŝtkonto nro 1689.58.
Flandra Esperanto-Instituto. Kortrijk, Magdalenastraat 29. poŝtkonto nro 3268.51.
BRITUJO: Brita Esperantista Asocio London W. C. 1. 142. High Holborn
BULGARUJO: Centra Librejo »Esperanto« Sofia str. Maria Luiza 38.
ĈEĤOSLOVAKIO: Ĉeĥoslovaka Esperanto Asocio — Praha XIX 447. Uralské nám. Poŝtkonto: Praha 9.602.
DANUJO: Isosek, sro L. Friis Aabyhöj, Frodesvej 21. Poŝtkonto nro: 16295.
ESTONIO: Helmi Dresen, Tallinn, Poŝtkest 6.
FRANCUJO: Centra Esperanto Librejo Paris 6e, 11 rue de Sévres Poŝtkonto: Libraire Centrale Esp.-iste, Paris nro 19601.
S. Grenkamp-Kornfeld, Paris XIV-e 117 Bd. Jourdan.
GERMANUJO: Poŝtĉekkonto de Vilmos Bleier, Berlin 138084
HISPANUJO: Ferdinand Montserrat, Barcelona, str. Provenza 75, 2—3a
ITALUJO: Itala Esperanto Centro Milano, Galleria Vittorio Emmanuele II. 92 Poŝtkonto: Milano, c/c postale 3/18715.
JUGOSLAVUJO: Sudslava Esperanto Servo Zagreb, Primorska 11.
La Suda Stelo Slavonski Brod Poŝtfako 44.
NEDERLANDO: Internacia Cseh Instituto Haga Riouwstraat 187. Poŝtkonto Nr. 162.626.
NORVEGUJO: Norvega Ligo Esp-ista, Oslo, Bergsliengata 11.
POLUJO: Halina Weinstein, Warszawa, str. Leszno 99. P. K. O. W. Nr. 27867.
RUMANUJO: Esp.-Instituto Rumana, Cluj, str. Bravilor 15
SVEDUJO: Förlagsföreningen Esperanto, Stockholm, 1. Fack 698 Poŝtĝirokonto nro 578.
SVISUJO: Nova Esperanto Grupo, f-ino Halter Prisca, Katharinengasse, 11. St. Gallen.
JAPANUJO: Japana Esperanto Instituto Tokio, Hongoo—Motomaĉi I. Poŝtkonto: Tokio 11.325.
USONO: Amerika Esperanto-Insituto. Madison, (Wis.) 556 State Str.
ALIAJ LANDOJ ne menciitaj ĉi tie, bonvolu sendi poŝtmandaton al P. K. O. Polujo, Krakow Nro 403148 Administracja Literatura Mondo. 1 svisa franko egalas 1.72 zloty. Internaciajn poŝtajn respond-kuponojn ni akceptas en la valoro de 0.30 sv. fr. por unu.

# La trakiano Kilono

— Andrejs Upitis —

La kaptitoj kuŝis en longa vico, popare kunligitaj. Per seka bovrimeno estis kuntiritaj sur la dorso iliaj manoj kaj piedoj. Popare kune — verŝajne, por ke konvulsiante ili multigu la dolorojn unu al la dua. Eble ankaŭ tial, ke ili unuope ne povu forruliĝi de la fajrloka lumigita cirklo kaj ne faligu sin en iun rokfendon. Sed povas esti, ke tion simple elpensis iu komandanta oficiro, en kies fantazio neniu alia turmenta maniero plu restis.

Kun polvitaj sandaloj surpiede la kirasĉapon kaj ŝildon formetinte, nur kun mallonga glavo enmane, grizhara legiano malrapide paŝis preter la vico tien-reen. Oni povus opinii, ke li promenas ĉi tie, se la irado ne estus serioze peza kaj sur la larĝa armila klingo ne surestus brunaj koaglintaj strioj. Kiam li kliniĝas por surmeti al la fajro novan lignan ŝtipon, liaj manoj ĝis la mezo de l' brako rebrilas kiel en ruĝaj gantoj. Ankaŭ en la griza barbo estas ruĝaj makuloj — eĉ en la okulojn ŝajnas io engutinta.

La batalbruo ĉesis antaŭ ses horoj, en la vespera krepusko. Nun ankoraŭ aŭdiĝas nur la ekkrioj de l' gardistoj en la mallumo, ĉirkaŭ la loko de la kaptitoj. Kaj par-centojn da paŝoj pli malalte, tuj ĉe la vojrando, sonas martelbatoj. La arboj laŭe de l' vojo ne sufiĉas alnajli ses mil kaptitajn sklavojn — aldone oni bezonas ankoraŭ krucojn. Post du horoj, kiam Marko Licinio Krasso iros el Kapuo al Romo, la viva aleo devas esti preta.

Al la soldatoj tamen ŝajnis tro longe atendi. Pli malproksime dekstre, kie la vojo ree altiĝas monten, brulis alia fajro. Kaj dum ties pli hela ekflamo, alte enaere, el la mallumo eliĝis kruco kun homo al ĝi alnajlita. La malzorge alfarita transverso malrektiĝis, la staturo de l' alnajlito kurbiĝis tiel, ke la mentono preskaŭ tuŝis la genuojn. Kiam la martela batado sube momente ĉesis, tie de supre aŭdiĝis obtuzaj hurloj kvazaŭ de duonbuĉita lupo. Tiam la paŝanto haltis, ĵetmetis siajn grizajn hartufojn al la nuko, kaj ŝirmante la okulojn kontraŭ la lumo de sia fajro, penis bone ekvidi.

Kilono kaj Hippio kuŝis lastpare en la vico. Tute hazarde ili troviĝis kune. Hippio estis unu el tiuj trokuraĝuloj, kiuj unuaj kune kun Spartako liberiĝis el la gladiatora malliberejo de Kapuo kaj liberigis la ceterajn sklavojn. En ĉiuj ribelaj militiroj kaj bataloj li partoprenis, dum Kilono paŝtis en la montaro la brutojn de Lentulo Batuato. Nur post kiam Spartako kun siaj taĉmentoj traluktis sin el la ĉirkaŭfermo en la Bruciaj arbaroj kaj ree proksimiĝis al Romo, li forlasis sian brutaron kaj foriris al la galloj, sed poste aliĝis al la taĉmento de sia samnaciano Spartako. Nur hieraŭ posttagmeze, kiam la taĉmentestro falis kaj la legioj de Krasso persekutis ilin en la tuta montaro kiel rabiaj hundojn, li hazarde renkontiĝis kun sia pli maljuna frato . . . Tial ili kune kaptiĝis kaj nun kuŝis vicfine sur rosmalseka ŝtona loko kaj atendis, kiam oni trenos ilin al apudvoja arbo aŭ kruco, kiel tie tiun alian.

Iliaj dorsoj firme kunis. Ili kuŝis surflanke kaj per ĉiu fibro de sia karno sentis eĉ la plej etan tremeton en la korpo de la dua. Kilono, tute mirige, eĉ fuĝante ne estis vundita. Liaj longaj flavaj haroj ĉirkaŭis la kolon de l' frato, li sentis, ke la sango de Hippio el la vundo en la nuko malsekigas ilin kaj altiras pli kaj pli forte. Li toleris kunpreminte la dentojn, la sekiĝintaj lipoj krevetis kaj pikdoloris kiel de fajro bruligataj.

Ekĝeminte, li sentis kubutan puŝon de la frato kontraŭ la ripoj kaj aŭdis koleran flustron.

»Silentu! . . . Aŭ mi sufokos vin per la propraj manoj!«

Kilono ne konsciis la ridindecon de la minaco en tia stato. Pro respekto kaj timemo al la grandulo — pli maljuna frato — li penis reteni eĉ la spiradon. Gis nun li opiniis, ke la manoj de la frato senkonscie tiretiĝas, sed nun li ekkonjektis, ke li kun nekomprenebla celo-intence movetas la manojn senĉese.

Liaj propraj manoj estis paralizitaj kaj sensentaj. Sed en la ŝultroj ĉiu altuŝo pikis kiel akra najlo. Ĉiam pli rapide kaj pli dolorige ripetiĝis la pikoj. Ĉiam pli forte Kilono kunpremis la dentojn. Al li ŝajnis, ke la frato simple perdis la saĝon.

Sed tiam li eksentis, ke io lin subite liberigas de la alia. La kruroj restis same forte altiritaj al la kruroj de la frato, sed la supra parto de l' korpo ekŝajnis libera kaj senpeza. Ŝajnis subite deiĝanta kaj defluganta en longa arko — malproksime sur la deklivo valen, trans la vojon, en liberan malluman spacon.

Vidi li ne povis. Al li, kuŝanta surtere, la sandaloj de legiano polvumis la okulojn, kaj lia unua laboro estis ilin viŝpurigi per la manoj reviviĝintaj.

Bato surdorse ĉesigis ankaŭ ĉi tiun movon. La fratan flustron duafojan Kilono ne aŭdis. Sed li rimarkis, ke Hippio per la mano iel agadis al ilia komuna ligilo. Ektimiĝo kaj stranga sentfluo trakuris la junajn membrojn de Kilono. Ĉu efektive — ?

Sed en la sama momento li sentis, ke ankaŭ la kruroj liberiĝas el la brulpremantaj ligiloj. Apenaŭ konsciiĝinte, li retenis mirekkrion. Kaj kiel de granda malproksimo li ekaŭdis la fratan flustron:

»Ĉu vi povas movi la piedojn?«

Al Kilono la malagrabla doloro ankoraŭ pikis en la piedoj ĝis la genuoj, sed movi ilin li jam povis.

»Kaj la manoj?«

Ankaŭ la manoj estis tute reviviĝintaj.

Sed tiam kiel musoj atakotaj de kato ili alpremiĝis teren kaj eĉ la spiron penis reteni. La legiano rememoris, ke tro longe li sin forgesis ĉe la alloga vidaĵo kaj ree ekinspektis siajn kaptitojn. Tamen, konvinkiĝinte, ke la vico estas kiel antaŭe, li reiris malsupren al la malaltejo de l' deklivo kaj restis kun la vizaĝo al la dua fajro.

Kilono sen komando komprenis, kion li faru. Kiam la staturo de Hipio kiel dika griza serpento preterrampis liajn piedojn, ankaŭ li, simile kuŝante, turniĝis kaj rampis postsekve. La korbatoj kiel gongfrapoj obtuzis en la oreloj; la skrapsono, kiun kaŭzis iliaj kaproledaj vestaĵoj sur la polvkovrita loko, ŝajnis laŭta ventblovo. Pro la emocio, ŝvito gutumis lian tutan korpon. Li klinis la kapon ĝistere kaj opiniis sin tute kaŝita per la ombro de l' frato.

Kun la kapoj jam en la kavo, kvin paŝojn de la piedoj de l' gardisto, ili tamen sentis, ke la aero super ili subite fariĝas pli ruĝa. La gardisto tute kliniĝis antaŭen, videbliĝis, ke liaj ŝultraj muskoloj tiretiĝas pro ridado. La krioj de la duonbuĉita lupo eksonis ankoraŭ pli terure. Sed la trakianoj nun pensis nur pri tio, ke la ombro, en kiu ili rampis, iĝis pli nigra.

Tiam Kilono subite konsciiĝis kaj elaste kiel juna linko saltleviĝis. Tamen kursekvi Hippion li ne sukcesis.

# Tri poemoj de A. S. Puŝkin

– Leo Belmont –

## SENDAĴO AL DEKABRISTOJ EN SIBERIO

*En Siberia minfosej'*
*En la malluma profundej'*
*Sin gardu pacienc' fiera...*
*Ĉar ne perdiĝos en malĝoj'*
*La laborad' de via voj'*
*Kaj penscelado superteral...*

*En subteraĵo sen la sun'*
*L' Espero — al la malfortun'*
*Fratino tiu ĉi fidela —*
*Vekos kuraĝon de gajec';*
*Kaj atendata kun ardec'*
*Alvenos la momento hela:*

*Al vi ĝisvenos ĝoj-balzam'*
*De l' amikeco kaj de l' am'*
*Tra la fermilo glaci-fera,*
*Kiel atingas vin sen bru'*
*Ĝis punlabora kaŝo-tru'*
*Mia kantanta voĉ' libera!*

*Katenoj pezaj falos... Jen*
*Iĝos ruinoj el gehen'*
*Mallibereja... Portos savon,*
*Vin renkontinte ĉe la pord'*
*Liber' ĝojanta... Frato-fort'*
*Al vi redonos gloran glavon!*

## ANGELO

*Kap' mallevita — dolĉanĝela*
*En pordo brilis de l' Eden'...*
*Flugis demon' mallum-ribela*
*Super infer-abismo jen...*

*Spiriton vidas pure-ĉarman*
*Spirit' de l' neo, dub', malĝoj'...*
*Senvole kortuŝecon varman*
*Ekkonas je l' unua foj'...*

*»Pardonu!« — diras — »Vin ornamis*
*La bril'... Ne vane brilis vi:*
*Ne ĉion mi en mond' malamis,*
*Ne ĉion malestimis mi!«...*

## LABORO

*Venis moment' dezirita: finita labor' multejara...*
*Kial mistera ĉagren' pacon forprenas de mi?*
*Ĉu heroverkon farinte, mi nun, laŭtegul' senbezona,*
*Staras post pago-ricev', fremda al nova labor',*
*Ĉu mi laboron priplendas, silentan kunulon de l' nokto,*
*Ĝojon de l' ora Aŭror' kaj de l' Penata sanktej'?!...*

---

Tiu jam estis ĉee. Lia dekstra mano de malantaŭe kaptis la manon de l' romiano kun la glavo, dum la maldekstra kiel ŝtala ringo ĉirkaŭis lian kolon kaj malrapide klinis la tutan korpon malantaŭen. La grizaj longaj haroj jam preskaŭ tuŝis la trokurbigitan dorson. Nun ruĝe ekbrilis la eliĝintaj okulgloboj. Nun la lango elpendis inter la dentoj. Nun la tuta vizaĝo iĝis kupre bruna.

Sed la persekutata kaj soifturmentita gladiatoro renkontiĝis kun rutina militisto kaj iama cirka luktisto, kiu nur antaŭ du horoj manĝis surstange rostitan ŝafan femuron kaj eltrinkis kruĉon da vino. La libera mano elturniĝis supren, transglitis la ŝtalringon sur la kolo, tiam per la fortaj ungoj ekprenegis la implikitajn harojn. Kaj dum la kvar fingroj eniĝis konstante pli, la dikfingro palpis laŭ la sanga malsekaĵo al la terura krania rompvundo de la atakanto.

Hippio spiregis kiel virbovo, kies kapon per ŝnurego oni tiras al la piedoj. Duono de lia atento kaj forto estis turnita al tio, ke ne fariĝu bruo kaj ne altiru la atenton de iu proksima patrolo. Rompante la romanon, li mem kliniĝis tiom malantaŭen, ke ŝajnis — tuj li falos dorse sub la korpo de la malamiko.

La ekmoviĝo de la glavo en la mano de l' legiano revigligis Kilonon el la momenta senkonscio. Per vigla kapto li prenis la pezan armilon. Kaj tiam, per ambaŭ manoj levinte, li pikis duonflanke, de la dorso — malrapide, sed certe, la ĝustan lokon per la okuloj bone mezurinte, tutforte kliniĝante.

La staturo de Hippio rektiĝis. La romiano falis teren ĉe liaj piedoj. Momenton li tenis sin ankoraŭ side kaj ŝajnis, ke per la manoj li penas ankoraŭ apogiĝi surtere. Sed tiam li falkurbiĝis kun la frunto sur la genuoj kaj tiel restis, la manojn flanken sterninte kvazaŭ rompitajn flugilojn.

Hippio forprenis de la frato la glavon kaj rektiĝis plenstature — tutsame, kiel iam en la Trakia arbarejo ĉe mortigita apro, aŭ kiel en la cirko de Romo ĉe la kadavro de l' venkita kontraŭulo. Sed nur momenton eklumis sur lia vizaĝo la ĝojo pri unu savita kaj alia mortigita vivo. La fajro en la malaltejo flamiĝis pli alte. La hurlado de l' alnajlito superbruis la sovaĝan kraketadon kaj la ridadon de la ebriaj soldatoj. Ankaŭ Kilono sin turnis al tie kaj la okuloj de ambaŭ larĝiĝis pro neelkriebla teruro.

Ĉu pro fajreroj saltintaj hazarde el la fajro, ĉu albruligita intence, la peĉo- kaj gudro-ŝmirita kruco brulis de malsupre. Malhelruĝaj flamoj, ŝpinante nigrajn fumondojn, avidleke serpentis supren sur la freŝa cedra trunko. La piedoj de la alnajlito ĝis la genuoj ne estis plu videblaj, kelkmomente la ruĝnigra fumrulaĵo volviĝis eĉ ĝis la brusto. Sed kiam vento puŝis la fumon flanken, oni vidis, ke la manoj perforte tiretadas sin per la streĉitaj muskoloj kaj la kapo sin ĵetadas de flanko al flanko kvazaŭ tiu de vermo, kiun najlita sandalo surtretis. Li ne hurlis plu, li stertoregis agonie kaj lia stertorado terurege intermiksiĝis kun la ridado de l' ebriaj soldatoj.

Aliflanke de la monteto aŭdiĝis proksimiĝaj voĉoj. Pro detima sensciiĝo ambaŭ trakianoj ekfuĝis, forgesinte provi liberigi ankoraŭ kelkajn siajn samsortanojn.

Laŭeble malalte kliniĝinte, preskaŭ rampe, sin kaŝante en la mallumo, ili kuris tra neprofunda valeto dekstren. Hippio antaŭe, Kilono tujsekve. Stature kiel juna gazelo kontraŭ griza Gallia cervo, li estis pli lerta

kuranto ol la pli maljuna frato. La vundo en la kapo kaj la lukto kun la romano lacigis Hippion — al Kilono ŝajnis, ke tiu, sin apogante sur la glavo, iras per malrapidaj paŝoj. Sagan rapidon, flugilojn de falko ili nun bezonas. Tuj malantaŭe ŝajnis sonantaj la ŝildoj de l' legianoj kaj ne alte supre kvazaŭ kaptante flirtis la ruĝnigraj flamserpentoj.

Sed iom-post-iome la bruo kaj flamflirtado restis malproksime poste. Eĉ en la malhelo oni vidis, ke la malaltejo fariĝas pli mallarĝa. Nun jam estis nur rokfendo kun tute rektaj vandoj. Dumkure la ŝultrojn de la fuĝantoj kelkiam altuŝis akraj rokelstaraĵoj aŭ rokpendaĵoj. Ili ekiris pli malrapide, atente aŭskultante kaj observante la mallumon. Per etenditaj brakoj Kilono puŝiĝis al la dorso de la frato. Hippio subite haltis kaj rigardis supren. La fendo finiĝis, ascenda vojeto de ĝi kurbis ĉe la monta deklivo. Sed ĝuste ĉe la fino de la kurba strio, alte super la kapoj de l' fuĝintoj, brulis fajro, fojfoje en la lumarko ekbrilis glavpinto aŭ pinto de bronza ĉapo.

La fuĝantoj tuj returnis sin. Al Hippio ĉi tiu regiono ne estis tute nekonata, sed la mallumo intense striata de la fajro blindigis la okulojn, la mortlaciĝo kaj timo forprenis la kapablon orientiĝi. Li kuris je bontrafo, neniom pensante, ke tiel ili venos al la antaŭa loko, kie la mortigita legiano certe jam estis trovita kaj komenciĝis persekutado al la fuĝintaj sklavoj. Sed hazarde ili flankeniĝis en alian antaŭe ne rimarkitan rokfendon. Kiel la unua, ankaŭ ĉi tiu finiĝis per simila ascenda vojeto, kiun supreniri ili ne havis plu forton. Simile ankaŭ tie supre brulis fajro kaj ĉirkaŭ ĝi ombris militistaj siluetoj.

Momenton ili staris kliniĝinte kaj rigardis supren. La fajro ekflamis pli alten kaj prilumis iliajn vizaĝojn kun tute ronde malfermitaj okuloj. Ili spiregis kiel lacigitaj, en kavernon enpelitaj kaj ĉirkaŭbaritaj sovaĝaj bestoj.

Evidente, ĉiuj vojoj de ĉi tie estas gardataj. Ambaŭ fuĝantoj komprenis, ke savon ili ne havas. Ili sin turnis kaj kun klinitaj kapoj sintrene iris unu post la alia. Kuri jam estis sensignife.

Hippio haltis kaj komencis aŭskulti. Aŭskultis ankaŭ Kilono. Supre, trans la ravina rando, kelkdistance aŭdiĝis parolbruo — vokado, tintado de l' armiloj. Estis klare kompreneble, ke oni proksimiĝas rapide. Trans la ravino foj-foje eklumis, sendube tio estis la torĉoj de la persekutantoj.

Unuafoje dum ĉi tiu fuĝo la fratoj alrigardis unu la alian. Longe kaj profunde, kvazaŭ penante unu diveni la penson de l' alia. Sed estis nenio por pensi, ambaŭ ja sciis, ke eliron ili ne havas. Kaj al ambaŭ fantomis antaŭ la okuloj la flamanta kruco kun la alnajlita homo, kiu ĵetadas la kapon kiel vermo, kiun najlita sandalo premis surtere.

Hippio apogis sin kontraŭ la rokvando. Supre, en ruĝluma rebrilo, Kilono vidis lian vizaĝon, flave palan, tute kiel la roko, al kiu premiĝis lia vundita nuko. La furioza bruado de l' persekutantoj rapide ruliĝis pli proksimen. Fasko da fajreroj de forbrulinta torĉo turnkure flugis supren sur la rando de l' ravino.

Kilono staris dorse al tie, de kie venis la morto. Nun li ektremis kiel pikita de serpento kaj reŝovis sin ĝis la dua ravinvando. La okuloj de Hippio estis turnitaj al li kun neŝanĝebla terura decido, kiun li komprenis same klare, kiel laŭte diritan. Lia buŝo malfermetis sin, por krii proteste, rifuze, por ankoraŭ savi sian vivon.

Hippio solene levis la manon kontraŭ li. Ĉi tiu mano en la lumo de l' proksimaj torĉoj aspektis brulruĝa. Sed ĝi ne tremis, ankaŭ la voĉo de Hippio estis malvarma kaj malmola kiel la decido de la sorto mem.

»Alian eliron ni ne havas. Aŭ, eble, vi ankoraŭ opinias ian?«

Kilono klinis la kapon. Kion li povis opinii?

»Se ni ambaŭ havus glavojn, ni povus kontraŭstare batali. Tiam ili estus devigitaj mortigi nin, ĉar oferi po kvin viroj por ĉiu el ni, ĝis kiam ni laciĝus, ĉi tiuj malkuraĝuloj ne volus. Sed kiel nun, unu nepre devas fali en iliajn manojn viva. Mi ne volas esti tiu. Eble vi havas deziron bruli kiel torĉo sur fosto kaj lumigi la vojon, kiam Marko Licinio Krasso veturos al Romo?«

Kilono kuntiriĝis, kvazaŭ penante sin savi el senkompataj manoj, kiuj jam kvazaŭ tiras lin supren al kruco.

»Ne! ne! ne!«

Hippio nur klinis la kapon. Poste li prezentis la kunpremitan manon, el kiu elstaris du herbaj trunketoj. Ankaŭ tion Kilono komprenis. Tia estis la kutimo de l' sklavoj kaptataj dum ĉi tiu milito: kiu ricevis la pli longan, tiu devas mortigi la alian kaj poste sin mem. Kilono etendis la manon tiel, kvazaŭ sur ĝi pendus peza rokpeco. Ĉi momente li havis nur unu solan deziron penetrantan tra la tuta korpo, ĉiuj karnofibroj: ke nur tiu ne estu li, sed la frato!

Hippio kliniĝis pli proksimen kaj tuŝis lian ŝultron.



*Minareto de la Granda Moskeo en Bizerte*

»Pli rapide! Al mi ŝajnas, mi jam vidas ilin.«

Efektive, la koleraj krioj sonis jam ĉi tie super la kapo de Kilono. Certe ili rapidis, por ke iu alia patrolo ne mortigu la fuĝintojn. Nura morto por ili estus tro milda puno. Ferminte la okulojn, Kilono palpis ĉirkaŭ la mano de l' frato. Ne . . . Kaj tamen li estis tiu!

Ĉirkaŭante la uze glatiĝintan glavtenilon, lia mano ŝajnis sensentiĝi kiel antaŭe, kiam li estis kuŝanta surtere, pro forte kuntiritaj ligiloj.

Hippio rapidigis lin spirdetene.

»Pli rapide! Vi mem ne sukcesos. . . Mi jam vidas ilin! Ĉi tie . . .«

Sed Kilono ne povis rigardi al la loko, kie estis alpremita la mano de Hippio. Li serĉis la okulojn de la frato, por adiaŭi aŭ alikaŭze, li mem ne sciis. Sed la palpebroj de Hippio estis kovrantaj la okulojn. La lipoj estis kunpremitaj, kvazaŭ por deteni kaj sufoki eĉ la plej etan dolorkrion, kiu pro kolero kaj doloro povus eliĝi.

Verŝajne li mem sin ĵetis kontraŭ la glavpinton levita de la frato. Kiam Kilono ree ekrigardis, li ĵus malrapide falis teren preter la roko, metinte la manojn sur la okulojn por gardi ilin kontraŭ la torĉa fajro, kiu nun falis rekte malsupren sur ilin ambaŭ.

Sovaĝa, dudekvoĉe miksita koler- kaj ĝojkriado de malantaŭe traflugis Kilonon. La paŝfrapado proksimiĝis rapide. Etaj ŝtonetoj ruliĝis susurante. La ŝildoj bruis disigante la ventan aeron. Pro la helaj torĉfajroj la ombro de Kilono, nigra kaj granda, vastiĝis preter la abrupta rokvando supren, ĝis post la rokpendaĵo ĝi perdiĝis en la mallumo.

La ombro kurbiĝis, kvazaŭ ĝin bruligus la ruĝaj torĉflamoj. Al Kilono ŝajnis, ke ĝi estas alnajlita al la roka vando kaj sin tiradas simile kiel tiu homo apud la vojo de Kapua. Sian sorton li konsciis klare. Nenian savon, nek kompaton li esperis. Kaj tamen li ne eluzis la paron da sekundoj, dum kiuj lia vivo ankoraŭ apartenis al li mem.

Li ne estis malkuraĝulo. Dum sia nelonga militirado li partoprenis en multaj bataloj. Kutiminta batali okulon kontraŭ la okulo, ĉiumomente scii la malamikan glavpinton kontraŭ sia brusto aŭ hakilon super la kapo. Per kuraĝa mano kaj kun ĝojkrio li enigis sian armilon en la kontraŭulan koron nekalkuleble multfoje. Kun la ĝuo de sovaĝa besto li mortigis romanajn kaptitojn, maljunulojn kaj infanojn el aristokrataj familioj kaj eĉ simplajn laboristojn. Eĉ levita kontraŭ la koro de l' frato, lia mano antaŭ momento preskaŭ neniom tremis. Sed nun ĝi senmove tenis la mallongan glavon, de kies pinta fino la sango de Hippio malrapide gutis teren.

Io laŭtege kaj ordone vokis en li. Tio estis pli forta ol la klara konscio pri tiu teruro, kiu atendas lin post momento. Ĉi tiu momento estis pli valora ol longa, terura turmentado en nova kaptiteco ĉe la ebriaj kaj freneziĝintaj sovaĝuloj. La manon, kiu centojn da aliuloj mortigis kvazaŭ ŝercante, li ne kapablis levi kontraŭ sia propra vivo.

Li falis sur la genuojn, enspiris tiom profunde, kvazaŭ la tutan malseketan aeron kun la sonanta vento per unu fojo li ensorbus en sin, kaj ploris, la romanan glavon per ambaŭ manoj ĉirkaŭpreninta. Kaj kiam li ekpensis saltleviĝi kaj interŝanĝi sian vivon kontraŭ du, tri vivoj de la malamikoj, jam estis malfrue. Dudek avidaj manoj samfoje kaptis liajn harojn, lian kolon, liajn manojn kaj piedojn.

# Letero

— Georges E. Maura —

*Nun estas via festo . . . La ĉielo*
*malgaja, kiel nedankita amo,*
*kovriĝas per nubaĵoj, kaj la suno*
*timide ŝovas brilojn de espero*
*al tiu griza, paŭta mondvizaĝo.*
*Kial do ne esperi, se la juno*
*apertas al ni pordojn de l' estonto,*
*se, malgraŭ la foresto, izoleco*
*kaj tiuj baroj sur la voj', ni vidas*
*someron, inter zorgaj siaj manoj*
*elkovi por ni plej fervoran fajron*
*de ĝojo kaj feliĉo? Tra l' aero*
*densa pro la odora varmo naĝas*
*promeso de volupto. Arbfolioj*
*apenaŭ tremas de la amdeziro*
*ondanta tra la brusto de la tero . . .*
*Estas hodiaŭ via festo. Mi*
*sur blanka, vana tiu ĉi papero*
*sopire serĉas vian bildon, viajn*
*pasie ridajn, ĝu-avidajn lipojn,*
*kaj la silentan mildon de l' okuloj.*
*Mi volus, ke alio ol letero*
*nudsimpla estu tiu ĉi medito;*
*kaj sin ekstreĉas mia pens' al vi,*
*kaj jam el mi animo penas fori . . .*
*Ho! Kie ajn vi sidas nun, ho mia!*
*Ĉu vi ne sentas spiron de tenero*
*alflirti vian haŭton kaj konfuzi*
*en vi ĉiujn potencojn de la karno?*
*Ĉu viaj sensoj ne ekas jam memori?*
*Ĉu vi ne sentas mian amon tuŝi*
*viajn genuojn pie kaj humile,*
*preĝantan sklavon antaŭ la altaro*
*de via korpo? Ĉu vi ne aŭskultas*
*liajn flustratajn vortojn vin adori?*
*Aŭ eble vi distriĝas, sen atento*
*al tiuj vokoj urĝaj de l' silento?*
*— Ha! Baldaŭ, baldaŭ mi vin havos, mian*
*ĉeeston vi ne povos plu ignori,*
*mi tenos vin en miaj brakoj tiam,*
*kaj jen vi krios, jen vi svenos sub*
*la densaj sagoj de l' arkpafa Bub'.*

---

Per zigzagoj de fulmo kaj blindiga heleco en la cerbo traplektiĝis tio, kio en ĉi tiuj nerevenigeblaj sekundoj retenis lin en tia rigidiĝo. La malproksima kaj kvazaŭ fremda Trakio kun sovaĝaj arbarejoj en la fuma horizonto. La antaŭnelonga paŝtista vivado, kie nokte ofte iu knabino, gracia kaj lerta kiel kapreolo, metis pasiajn brakojn ĉirkaŭ lian kolon kaj la tutan korpon varmigis per siaj karesoj. Liaj laŭdataj helaj haroj, virinece molaj haroj, lia neelvivita kaj ne elĝuita junaĝo, lia vivo, — lia vivo!

Tradukis el la latva: *Koso*

# PASKA TORĈO

**– I. L. Carageale –**

Lejba Zibal, la Podena gastisto, enpensiĝinte sidas ĉe tablo sub laŭbo antaŭ la budo, atendante la poŝtveturilon, kiu estus devinta alveni jam delonge; ĝi malfruis preskaŭ unu horon.

Estas longa kaj ne tre gaja la vivhistorio de Zibal; sed eĉ tiel, tremigate de febro, tamen estas amuze preni laŭvice, unu post la alia, ĝiajn pli gravajn fazojn . . .

Foira legomvendisto, negocisto de etaĵoj, brokantisto, kelkfoje eĉ malpli bona, kolportisto de malnovaj vestaĵoj, poste tajloro kaj makulforigisto en malgaja strateto de Jaŝi, ĉion li provis post la akcidento, kiu perdigis al li la lokon de helpisto en granda vinvendejo Tiam du portistoj malsuprenigis barelon en la kelon, sub la kontrolo de knabo Zibal. Ili malpaciĝis inter si ĉe la divido de l' gajno. Unu el ili prenis ŝtipon apude trovitan kaj batis surfrunte sian kamaradon, kiu svenis kaj surteriĝis sangoplena.

Vidante la sovaĝaĵon, la knabo eligis alarmkion, sed la aĉulo elrapidis el la korto, kaj pasante preter la knabo, levis la manon super lin... Zibal falis sveninta pro teruro. Kiam li revenis, post kelkmonata kuŝado, al la mastro, lia loko estis okupita.

Tiam komenciĝis malfacila batalado por la vivo, malfaciligita per lia edziĝo al Sura... Sed pacienco lacigas la malbonvolon de l' sorto. La frato de Sura, gastisto en Podeni, mortis, kaj la gastejo restis al Zibal, kiu daŭrigis la negocon por si.

Tie ĉi li estas nun de kvin jaroj.

Li havas havaĵeton ŝparitan en mono kaj bona, prizorgita vinaro, varo ĉiam bonvalora. Lejba rifuĝis de la malriĉeco, sed ĉiuj malsanas: kaj li, kaj la edzino, ankaŭ la infano — malario.

Kaj oni estas malbona kaj disputema en Podeni!.. Blasfemoj ... mokoj ... insultoj ... akuzado pri venenado per vitriolo . . . Kaj la minaco!

La minaco estas pli peza por ŝanceliĝema animo, ol eĉ bato. Tio, kio nun pli turmentas Lejban ol la marĉfebro, estas minaco.

»Ho, sentaŭga *goj*[2]) li pensas ĝemante.

La sentaŭgulo estas Georgo — kie li vagas nun? Zibal havis tre malagrablan aferon kun tiu ulo.

Georgo venis dum iu aŭtuna mateno al la gastejo, laca pro la vojo; li diris ke li venas el malsanulejo kaj serĉas laborokazon. La gastisto dungis lin. Sed Georgo montriĝis brutala kaj tro malafabla . . . li konstante blasfemis kaj solece murmuradis en la korto. Estis malbona servisto, mallaborema kaj impertinenta kaj ŝtelis.

Iutage li minacis la gravedan mastrinon, ke li batos ŝin surventre, ĉar ŝi — cetere prave — riproĉis lin . . . alifoje li incitis hundon kontraŭ la eta Strul.

Lejba tuj faris lian finkalkulon kaj forsendis lin. Sed Georgo ne volis foriri, li asertadis, ke li estas dungita por tuta jaro. Tiam la gastisto diris, ke li iros sur la monteton, al la vilaĝestro, kaj petos gardiston por forpeli lin.

Georgo fulme elprenis sian tranĉilon, blekante: »Judaso!« kaj li volis salte ĵeti sin sur la mastron.

Guste tiam alvenis poŝtveturilo plena de klientaro. Georgo ridaĉis kaj diris:

— Kial vi ektimis, moŝto Lejba?... Jen mi foriras.

Kaj kun sovaĝa mieno proksimiĝante super la vartablo al Lejba, kiu retiris sin kiom eble, li flustris al li.

— Atendu min paskan nokton por kunpuŝi ruĝajn ovojn, sinjora moŝto . . . [3]) Sciu, ke ankaŭ mi faris vian finkalkulon!

Tiam la klientoj eniris la drinkejon.

— Ni revidos nin je Reviviĝa festo, moŝto Lejba! — aldonis Georgo malproksimiĝante.

Lejba iris al la vilaĝestro, poste al la subprefektejo, por denunci la minacinton, kaj li petis ke li estu gardata. La subprefekto, tre gaja junulo, unue akceptis la »modestan« donacon portitan de Lejba, poste li komencis priridi la timeman hebreon kaj mokadi pri li. Lejba varme klopodis komprenigi la gravecon de l' afero, pro ke la gastejo estis izolita, malproksime de la vilaĝo, eĉ de la ŝoseo. Sed la subprefekto kun serioza mieno konsilis, ke li estu saĝa: eĉ ne plu menciu tian aferon por ne vere veki krimemon en la vilaĝo, kie la homoj estas malbonaj kaj malriĉaj.

Pli malfrue, post kelkaj tagoj, distrikta oficisto kaj du kavalerianoj serĉis Georgon; oni suspektis lin pro ia okazintaĵo.

Kiom bone estus, se Lejba estus lin tolerinta almenaŭ ĝis la alveno de ĉi tiuj homoj! Sed kiu scias, kie nun estas Georgo.

Kvankam tio ĉi okazis delonge, tamen en la menso de l' homo frostotremanta pro malario, fidele ripetiĝis la impreso pri la figuro de Georgo kaj pri lia gesto, kiam li kaptis sian tranĉilon kaj minacis lin. Kiel vekiĝis tiom klare tiu memoro?

Estis paska sabato.

Supre sur la monteto, en la malproksima vilaĝo, proksimume, je du kilometroj, trans la marĉejo, aŭdiĝis la sonoriloj de l' preĝejo... Kaj oni aŭdas ilin tiom strange, kiam oni frostotremas: jen tre forte, jen preskaŭ tute ne... La proksima nokto estis la Paska, la limtempo de l' promeso de Georgo.

[3]) Kunpuŝo de ruĝaj ovoj estas paska kutimo de ortodoksaj kristanoj.

[1]) elparolu: KARAĜALE.

[2]) »goj« signifas »pagano«, tiel nomas hebreoj kristanojn.

---

## *Al la redaktoro de L. M.*

*Al mi mankas la vortoj sufiĉaj —*
*(Ho! malfeliĉa manko)*
*Por esprimi per rimoj bel-riĉaj*
*La senton de l' danko!*

*Estis mia merito — nur nulo,*
*Nur malgranda peco!*
*Sed Vi estas la granda pagulo*
*Per granda boneco!*

*En laŭdondoj mi dronas kaj svenas*
*Gis umbiliko . . .*
*Miro! tiom da dolĉo ekvenas*
*El land' de l' papriko!...*

**Leo Belmont**

— Sed eble oni jam arestis lin!

... Kiel ajn, Zibal ja restos en Podeni ĝis la sekvonta lusezono. Kun lia kapitalo oni povas komenci belan negocon en Jaŝi... En la urbo — li nur resaniĝu! — li loĝos proksime al la policejo... Li »honoros« la komisaron, kontoriston, gardiston. Kiu bone pagas, estas bone gardata.

En tiom granda urbo nokte estas bruo kaj lumo, ne mallumo kaj silento kiel en la soleca valo de Podeni. En Jaŝi estas gastejo — tie en la angulo, kiom bona loko por drinkejo! — gastejo, kie inoj kantas tutan nokton ĉe *Café Chantant*. Kia vivo brua kaj gaja! Oni trovas tie, tage kaj nokte, la sinjoron komisaron kun knabinoj kaj moŝtoj.

Kial do tiom streĉi la kapon tie ĉi, kie, precipe de kiam trafikas la fervojo, tre malproksime de la marĉejoj — la negocoj ĉiam malpliiĝas...

— Lejba, krias Sura el interne, alvenas la poŝtveturilo, jen aŭdiĝas tintobruo!

La Poden-a valo estas fendaĵo kvarflanke fermita de arbarplenaj deklivoj. Ĉe la suda parto, pli profunde, el la fontoj, kiuj devenas el sub la montetoj, kolektiĝas profundaj marĉoj, super kiuj leviĝas junkodensaĵoj kvazaŭ brosoj. Inter la marĉa loko kaj la pli altiĝinta parto, en la nordo, meze de l' valo, staras la gastejo de Lejba: malnova konstruaĵo el ŝtono, kiel eta fortikaĵo; malgraŭ la marĉa tereno la gastejo havas sekegajn murojn kaj kelojn.

Je la voĉo de Sura, Lejba peze leviĝas de la seĝo, etendante siajn lacajn membrojn, li longe esploras la orientan horizonton; nenia signo de poŝtveturilo.

— Ne venas, nur ŝajnis al vi... li respondas al la edzino kaj denove sidiĝas.

Tre streĉita, la edzo kumetas siajn brakojn sur la tablo kaj apogas sur ili sian bolantan kapon.

Pro la varmo de l' printempa suno, kiu komencis bruligi la surfacon de la marĉoj, agrabla moleco penetris tra la nervoj de l' viro, kaj la pensoj ĉiam pli kaj pli malofte sin volvadis sur la bobenon de la malsana konscio, konfuzante iom post iom la formojn kaj dolorojn de l' imagoj...

Georgo... Paska nokto... ŝtelistoj... Jaŝi... drinkejo en la mezo de l' foirejo... gaja vendejo bone prosperanta... sano...

Kaj li endormiĝis...

... Sura kaj la infano delonge forestas de hejme.

Lejba iras al la pordo de l' vendejo por rigardi ŝian vojon.

En la granda strato estas vigla trafiko, senĉesa klakado de radoj sur la vojo, akompanata de la ritma martelado de la hufotroto sur la brila asfalto.

Sed subite haltas la trafiko kaj de Copou[4]) oni povas vidi, kiel venas homamaso, gestante, kriante kaj ekscitite.

Ŝajne la amaso akompanas iun: soldatoj, gardisto kaj miksita publiko. Ĉe ĉiu vendeja pordo amasiĝas scivolaj rigardantoj.

— Aha! pensas Lejba, oni denove kaptis ŝteliston!

La grupego alproksimiĝas. Sura forlasas la amason kaj suriras apud Lejba sur la ŝtupoj de la drinkejo.

— Kio, Sura? li demandas.

— Frenezulo forkurinta el Golia.[5])

[4]) lapon, elp. Kopon, estas parko ĉe la rando de urbo Jaŝi.

[5]) Golia estas frenezulejo apud Jaŝi.

## La korvo kaj la vulpo
### — La Fontaine —

*Majstro korvo, sur arbo starante,*
*Fromaĝon tenis en beko.*
*Majstro vulpo, l' odoron flarante,*
*Parolis al li en bleko:*
*»Saluton, ho korva moŝtulo;*
*Ververe, se en la voĉo*
*Kaŝiĝas simila sorĉo,*
*Kiaj belaj plumoj, ravaj por l' okulo;*
*Fenikso vi estas de l' gento arbara«*
*Ĝojegas la korvo pro l' flato senbara.*
*Por montri grakan artaĵon*
*Malfermas la bekon — lasas la fromaĝon.*
*Ĝin kaptas la vulpo kaj diras: »Sinjoro,*
*Eksciu, ke ĉiu retoro*
*Vivas de tiuj, kiujn li gloras.*
*Fromaĝon la sperto sendube valoras;«*
*La korvo, honta, humila,*
*Ĵuris, malfrue, sin gardi de kaptil' simila.*

El la franca: *Gicquel.*

---

— Ni fermu la drinkejon, ke li ne venu kontraŭ ni.

— Nun li estas ligita, sed antaŭ nelonge li leberigis sin kaj bataladis kun ĉiuj soldatoj. La frenezulo mordis la vizaĝon de hebreo, kiun malbonvola *goj* batpuŝis el la amaso al la frenezulo. Lejba bone vidas de la ŝtuparo, unu ŝtupon pli malsupre rigardas Sura kun la infano surbrake.

Vere estas furioza frenezulo, tenata de du homoj ambaŭflanke, liaj pugnoj estas preme kunligitaj per forta rimeno. Estas homo kun ega kapo, nigra hararo, malmolaj kaj hirtaj barbo kaj lipharoj. Tra la ĉemizo, ĉifonita en batalo, estas videbla la larĝa brusto, kovrita, kiel la kapo, de densa hararo. Li havas nudajn piedojn, lia buŝo plenas de sango, kaj li konstante kraĉas la harojn ŝiritajn per siaj dentoj el la barbo de l' hebreo.

Ĉiuj haltis... Kial?

La ĝendarmoj disligas la manojn de l' frenezulo.

La amaso tiras sin flanken kaj liberigas larĝan lokon ĉirkaŭ li. La frenezulo ĉirkaŭrigardas kaj haltigas siajn ardajn rigardojn ĉe la pordo de Zibal. Li grincigas siajn dentojn kaj svinge sin ĵetas super la tri ŝtupojn. Per la dekstra mano li kaptas la kapon de l' infano, per la maldekstra tiun de Sura, kaj kunbatas ilin tiom fortege, ke la kapoj dispistiĝas kvazaŭ molaj ovoj.

Ĉe la renkontiĝo de l' du kranioj aŭdiĝis bruo, kraksono kun nenio komparebla.

Lejba volis krii kun koro kuntirita, kvazaŭ falante el nemezurebla alto:

— Ĉu ĉiu lasas min intence fali viktimo de frenezulo?!

Sed la muta voĉo ne obeis al la volo.

— Vekiĝu, hebreo! krias iu, batkrakante sur la tablo per vergo.

— Stulta ŝerco! diras Sura de la sojlo de l' drinkejo: tiel timigi la sonĝon de alia, aĉa kamparano!

Lejba saltis surpieden.

— Ĉu vi ektimis, hebreo? demandas ridante la ŝercemulo. Ĉu vi dormas tagmeze, he?... Vekiĝu, ĉar venas gastoj, alvenas la poŝtveturilo.

Kaj laŭ sia stulta kutimo, kiu tre kolerigis la

drinkejestron, li volis preni Zibal-on en siajn brakojn por tikli lin.

— Lasu min en paco, krias la gastisto, reteriĝante kaj plenforte forpuŝante lin. Ĉu vi ne vidas, ke mi estas malsana? Lasu min en paco!

Fine alvenas la poŝtveturilo kun preskaŭ trihora malfruo. Estas du vojaĝantoj, kiuj sidiĝas kune kun la kondukisto, invitita de ili, ĉe la sama tablo.

El la interparolo de l' vojaĝantoj klare evidentiĝis la okazintaĵo. Ĉe la supra poŝthaltejo, nokte, oni rabmurdis hebreon en la gastejo. La murdita gastisto havis ĉe si ankaŭ ĉevalŝanĝejon. La krimuloj prirabis lin kaj dum la aliaj forestis en la vilaĝo, la scivolaj vojaĝantoj povis laŭvole esplori la scenejon de la krimo.

Kvin viktimoj. Sed la detaloj! Se oni estus trovinta la domon prirabita, oni kredus, ke estis kruela venĝo, aŭ ago de religia fanatikulo. En rakontoj pri obseditaj sektanoj oni povas aŭdi pri tiom absurde sovaĝaj ekzekutoj.

Lejba frostotremis skuata de forta febratako kaj aŭskultis en deliro.

Poste sekvis io, kio certe plenigis la kondukiston per respekto. La vojaĝantaj du junuloj estis studentoj, unu de filozofio, la alia de medicino; ili vojaĝis por pasigi la libertempon en la naskurbeto. Inter ili komenciĝis alta diskuto akademia pri la krimo kaj ĝiaj kaŭzoj, kaj se oni volas esti justa, la medicinisto estis pli bone preparita, ol la filozofo.

La atavismo... alkoholismo kun siaj patologiaj sekvoj... malsana fekundigo... deformiĝo... malario. Poste nervmalsano! — Tiom kaj tiom da akiroj de la moderna scienco... Sed la kazo de l' reversio!

Darwin... Haeckel... Lombroso...

Ĉe la reversia kazo la kondukisto faras grandajn okulojn, en kiuj brilas profunda admiro pri la akiroj de l' moderna scienco.

— Estas evidente, aldonis la medicinisto. Tial la vera krimulo, konsiderata kiel tipo, havas longegajn brakojn kaj tro mallongajn piedojn, mallarĝan kaj kunpremitan frunton. Lia mieno karakterize malafabla, kun besteca aspekto, tuj frapanta kompetentajn okulojn, aĉa ulo, kiel mi dirus: besto ĵus sukcesinta ekstari sur la malantaŭaj piedoj kaj levi la kapon supren al la ĉielo, al lumo.

Je dudekjara aĝo, post tiom da emocio, post bona regalo per vino tiel bone farita kaj prizorgita kiel la vino de Zibal, frazo kun lirika nuanco ne maltaŭgas eĉ al medicinisto.

La entuziasma junulo, inter Darwin kaj Lombroso, trovis tempon por ekflari ankaŭ iom da Schopenhaŭer: »al la ĉielo, al lumo!«

Zibal estis malproksime de la kompreno de l' »klara« teorio. Eble la unuan fojon ruliĝis tiom altaj paroloj, tiom noblaj, pensaj subtilaĵoj en la malseka aero de Podeni.

Sed kion Lejba komprenis pli bone ol iu ajn alia, eĉ ol la konferencinto mem, estis la frapa ilustrado de la teorio; la reversian kazon li konis »en karno kaj ostoj«: la portreto de Georgo. Ĉi tiu portreto, el kiu li ĝis nun konservis nur la ĉeftrajtojn, reviviĝis spirite, kun perfekta palpebleco, ĝis la plej eta detalo.

La poŝtveturilo estis malproksime. Lejba sekvis ĝin per siaj rigardoj ĝis kiam, turniĝinte maldekstren, ĝi perdiĝis malantaŭ la monteto. Ankaŭ la suno subiris post la okcidenta deklivo, kaj la vespero milde envualis la formojn en la Poden-a valo.

La gastisto malbonhumore komencis remaĉi en la menso ĉion, kion li aŭdis... En la nokta silento, kaŝitaj de mallumo, viro, du virinoj, kaj du delikataj infanoj, surprize elŝiritaj el la brakoj de l' bonfara dormo per la mano de l' homforma sovaĝulo, kaj oferitaj unu post la alia. La teruraj vekrioj de l' infano ĉesigataj de piktranĉo fendanta lian ventron... Hakile krevigita gorĝo, tra kies fendo post ĉiu gargarajo da sango eliĝas obtuza stertoro... Kaj la lasta viktimo stulte ĉeestas ĉion ĉi kaj atendas sian vicon... Procedo pli terura ol ekzekuto, senŝirma hebreo en la mano de la *goj*-oj... la kranioj tro malfortaj en la kruelaj manoj de l' inkuba frenezulo.

La febro-rostitaj lipoj de Lejba aŭtomate sekvis la penson, rapide tremante. Skuego kaptis lin dorse. Per konfuza paŝo li eniris la koridoron de l' gastejo.

Sendube — pensas Sura — Lejba tute ne fartas bone; Lejba havas fiksan ideon. Ĉar kian sencon povus havi ĉio, kion li faras de kelkaj tagoj kaj precipe hodiaŭ?

Li ja fermis la drinkejon antaŭ la ekbruligo de la kandeloj, ĝuste kiam finiĝis la Sabato. Trifoje frapis diversaj gastoj sur la pordo de l' vendejo, kun konataj voĉoj kriante, ke li malfermu al ili. Ĉe ĉiu frapo li eksaltis kaj per flustra voĉo haltigis ŝin, kun timemaj okuloj:

— Ne movu vin... mi ne volas, ke *goj*-oj envenu tien ĉi.

Poste li pasis al la koridoro kaj sur la ŝtonŝtupo de l' sojlo akrigis la hakilon, kiun oni uzis por haki lignon. Tiom li tremas, ke apenaŭ li povas stari surpiede, sed ne volas ripozi. Sed estas plej timige, ke Lejba respondis severe al ŝiaj insistaj demandoj, kaj sendis



*Interna korto de araba domo*

# Poemoj de I. Bunin

**El la rusa: Hilda Dresen**

## Cervo

*Ĉe l' vojo densa verda abiaro,*
*Profunda mola neĝo sur la ter'.*
*Paŝadis cervo firme kaj sen baro,*
*Streĉante kornojn siajn kun fier'.*

*Postsignoj jen. Abio kurbigita,*
*Ĝin mordis blanka dent' dum preterpas' —*
*Kaj multaj pingloj pro ektuŝ' subita*
*Nigrante kuŝas sur la neĝamas'.*

*Postsignoj novaj pri rapid' atestas,*
*Kaj jen — eksalt'! Vidigas tie sur*
*Herbej' postsignoj hundaj ja — kaj estas*
*De l' korn' rompitaj branĉoj dum trakur'...*

*Ho, kiel kuris ĝi facilpiede!*
*Freneze, kun neesprimebla fort',*
*Kun rapideco ĝoja ĝi sencede*
*Forportis belon sian de la mort'.*

## Al unua najtingalo

*Naĝas, brilegas la lun' tra nubar'.*
*Blankas pomarboj pro krispa florar'.*
*Treme ondetas la nuboj dum kur'.*
*Milde bluetas la luna kontur'.*

*Ĉe la aleo en nuda branĉar'*
*Provo ektrilas kun ĝu' najtingal'.*

*Ĉe malfermita fenestro knabin'*
*Harojn plektadas por nokt' laŭ kutim'.*

*Ravas per nov' ŝin printempa rakont',*
*Kiun milfoje jam aŭdis la mond'.*

## Renkonto

*Hazarda renkontiĝo ĉe angul',*
*Rapidis mi — subite fulmsimile*
*Tra nigraj okulharoj flama brul'*
*Distranĉis la vesper-mallumon brile.*

*Surhavis krepon ŝi, petole ĝin*
*Printempa vento por moment ekblovis,*
*En okulbril', en la vizaĝesprim'*
*Vivecon mi de l' pasinteco trovis.*

*Kun vent' ŝi luktis dum mallonga temp',*
*Afable klinis per la kap' salute*
*Kaj forrapidis... Estis dum printemp'...*
*Ŝi min pardonis — kaj forgesis tute.*

---

ŝin kuŝiĝi, ordonante, ke ŝi tuj estingu la lumon. Komence ŝi kontraŭstaris, sed la edzo tiom akre ripetis al ŝi la ordonon, ke ŝi devis obei, malgraŭ sia ĉagreno, kaj rezigne prokrastis por pli malfrue la klarigon de ĉi tiuj cirkonstancoj.

Sura estingis la lampon, kuŝiĝis, kaj nun ŝi dormas apud Strul.

La edzino vere pravis... Lejba efektive malsanas.

Estas plenplena nokto. Zibal delonge sidas sur la sojlo ĉe la koridoro kaj aŭskultas...

Kion?

Malklaraj bruoj venas el la malproksimo. Kvazaŭ trotado de ĉevaloj, malakraj frapoj, misteraj kaj maltrankvilaj interparoloj. Altgrada streĉo de l' atento akrigas la aŭdsenton en la nokta soleco; kiam la okulo ne plu kapablas, la aŭdo ŝajnas batali por vidi.

Sed ne estas nura ŝajno... Sur la vojo sin klinanta de la ŝoseo ĉi flanken, aŭdiĝas venantaj ĉevalpaŝoj. Zibal leviĝas kaj volas proksimiĝi al la granda pordego de la koridoro. La pordego estas bone fermita per laŭlonge metita, peza trabo, kies ekstremaĵoj estas en muraj kavaĵoj. Ĉe la unua paŝo la sablo dispremita sub lia pantoflo eksiblas maldiskrete. Zibal elprenas la piedojn el la pantofloj kaj restas en ŝtrumpoj. Tiel, sen bruo rimarkebla de orelo neatentigita, li iras al la koridora pordego, ĝuste kiam la rajdantoj pasas preter ĝi kaj malrapidiĝas la ĉevalojn. Ili parolas tute mallaŭte, sed ne tiom, ke Lejba ne povu tre bone kapti ĉi kelkajn vortojn:

— Li frue kuŝiĝis...

— Sed se li estas for?

— Lia vico alvenos alifoje... Sed mi estus volinta..

Oni nenion plu povas kompreni, la homoj tro malproksimiĝis.

Pri kio oni parolis?... Kiu estus kuŝiĝinta aŭ foririnta?... Kies vico alvenos alifoje?... Kiu estus volinta ion alian?... Kaj kion alian volis tiu?.. Kion ili serĉis sur la flanka vojo, kiun oni suriras nur por flankeniĝi al la gastejo?...

Prema laco peziĝas sur la nukon de Zibal...

— Ĉu estas Georgo?!

Lejba sentis, ke liaj fortoj estingiĝas. Li eksidis sur la sojlo. El la pensfragmentoj, kiuj ronde saltadis en lia kapo, li ne sukcesis kapti plenan penson, ian decidon... Delire li eniris la drinkejon, frotis alumeton kaj eklumigis petrolan lampeton.

Ero da lumo; la meĉo estas tiom malsupre lasita, ke la interno de l' kupra ingo kaŝas la flamon: nur dank' al la maŝineto aperas ĉirkaŭe kelkaj vertikalaj, tre maldikaj strioj, preskaŭ senlumaj. Sed tiom sufiĉas por bone vidi en la konataj anguloj de la drinkejo... Ho, multe pli eta estas la diferenco inter la suno kaj plej sensignifa fajrero, ol inter tiu ĉi kaj la blinda mallumo!

La horloĝo frapetadis ĉe la muro. Tiu monotona bruo ĝenis Zibalon. Li metis sian manon sur la luliĝantan pendolon kaj haltigis ĝin.

Lia buŝo estis seka, li soifis. Li lavis glaseton en la tripieda kuvo apud la verŝtablo kaj volis verŝi por si bonan brandon el botelo, sed la kolo de l' botelo treme ektintis sur la rando de la glaso... Tiuj ĉi sonoj estis eĉ pli ĝenaj. La dua provo, malgraŭ lia forta volo venki sian malfortecon, ne havis pli da sukceso.

Tiam li rezignis pri la glaso, lasante ĝin mole enakviĝi kaj li glutis kelkfoje el la botelo. Post tio li remetis la botelon, kiu altuŝiĝis al la breto kaj aŭdigis timigan sonon. Dum momento li haltis, sufokite de tiu impreso. Poste li prenis la lampon kaj metis ĝin sur loketon ĉe la fenestro al la koridoro: sur la por-

dego, planko kaj kontraŭa muro de l' koridoro pentriĝis larĝaj rubandoj de lumo nur iomete pli densaj ol imago.

Zibal denove eksidis sur la sojlo, kaj embuske streĉis sian orelon...

La sonorilegoj sur la monteto... Sonorado por Reviviĝo... Do pasis noktmezo, ni proksimiĝas al la tago... Ho, se ankaŭ la resto de ĉi tiu longa nokto pasus kiel la unua duono!

... Grinco de sablo piede premita! Sed li estas sen pantofloj kaj eĉ ne movetis siajn piedojn... Dua grinco... pluraj... Certe estas iu ekstere tre proksime. Lejba leviĝas kaj premas sian bruston per la mano, li klopodas repeli ribelan nodon leviĝantan en la gorĝon.

... Pluraj personoj estas ekstere... ankaŭ Georgo.

Jes, estas li, jes, la sonorado sur la monteto signalis la horon de l' Reviviĝo.

Ili parolas mallaŭte:

— Sed se mi diras al vi, ke li dormas. Mi vidis, kiam li estingis la lumon.

— Despli bone, ni kaptos la tutan neston. Mi malfermos la pordegon, ĉar mi konas ĝian artifikon. Faru fenestreton al ĝi... La trabo pasas ĉi loke...

Kaj aŭdiĝis palpado de eksterulo mezuranta la distancon sur la ligno...

Borilego ekbruas segante la sekan fibraron de l' malnova, kverka breto... Zibal devas apogi sin: li metas sian maldekstran manon sur la pordegon, kaj per la dekstra li kovras siajn okulojn.

Tiam, pro ia neklarigebla kaprico de internaj, misteraj klavoj, fortege kaj tre klare aŭdiĝis en liaj oreloj:

— Lejba, alvenas la poŝtveturilo!

Estis sendube la voĉo de Sura. Varma radio de espero... momento de feliĉo... estas denove sonĝo!... Sed Lejba rapide retiras la maldekstran manon: la pinto de l' ilo pikis lian manon, ĉi flanken penetrinte. Ĉu pensi ankoraŭ pri saviĝo?... Absurde! En la bolanta cerbo la imago pri la borilo prenis dimensiojn neimageblajn. La laborilo kreskis senfine, konstante turniĝante, kaj la truo fariĝis ĉiam pli kaj pli granda, fine tiom ega, en ĝia ronda kadro la monstro povis aperi starante, sen klini sin. Tio, kio okazis en tiu cerbo, estis ekster la sfero de l' homa pensado, la vivo leviĝis sur ŝtupon de ekzalteco, kie oni ĉion vidis, aŭdis, palpis grandega, laŭ kaosa proporcio.

La ekstera laborado daŭris metode kaj persiste. Lejba nun kvarfoje vidis la torditan ŝtaldenton laŭvice penetri al lia flanko kaj retiriĝi eksteren.

— Nun alportu la segilon... diris Georgo.

Maldika lango de segilo pasas tra la unua truo kaj muelas laŭ oftaj kaj regulaj movoj... La plano estas facile komprenebla: kvar truetoj en kvar anguloj de kvadrato, inter ili la segilo tiras la liniojn, en la centro de l' kvadrato oni jam enpikis la borilon; kiam la peco estos plene forigita de la tuta lignotabulo, oni eltiros ĝin; tra la malplenaĵo eniĝos forta mano, kaptos la trabon, flankenigos ĝin kaj... la *goj-oj* estos hejme ĉe Lejba...

Kaj la sama borilo estos post kelkaj momentoj la turmentilo de Zibaj kaj de ĉiuj liaj... Du ekzekutistoj tenos la viktimon fikse sur la planko, kaj Georgo, kun la kalkano sur ties ventro, malrapide enigos, kvazaŭ en senvivan lignobreton, la borilon en la vivplenan brustoston, profunden, pli profunden, ĝis kiam ĝi atingos la koron, por ĉesigi ĝian frenezan pulsadon kaj fiksi ĝin por ĉiam.

Agonia ŝvito banis la tutan korpon de Zibal, liaj artikoj moliĝis, kaj li malrapide falis sur la genuojn, simile al bruto, kiu klinas sian nukon sub la lasta bato, konsciante ke nun ĝi devas forlasi sin mem.

— Jes, fiksi ĝin por ĉiam! La koro estos fiksita al unu loko... li pensis.

Kaj li restis iom da tempo kun okuloj rigide malfermitaj al la lumo ĉe la fenestro... Dum kelkaj momentoj li staris tiel, senvive, en alia mondo, sed subite:

— Jes, li ripetis, kun rideto kaj kruele straba mieno, jes, li estos fiksita al unu loko!

Stranga fenomeno, kompleta renversiĝo okazis tiam en tiu estaĵo; lia tremado ĉesis, la deliro malaperis, kaj sur lia vizaĝo deformita de tiom longa krizo, ekregis stranga sereno. Li leviĝis rekte, kun la



*La Moskeo de Barbiro en Keruan*

certeco de sana kaj forta homo, kiu marŝas al facile atingebla celo.

Unu linio inter la du supraj punktoj de la kvadrato estis preskaŭ preta. Lejba scivole proksimiĝis por vidi la dancadon de l' instrumento. Lia rideto nun iĝis eĉ pli karakteriza. Li skuis sian kapon kvazaŭ li volus diri:

— Mi havas ankoraŭ tempon.

La segilo konsumis la plej lastajn fibrojn apud la atingita trueto kaj ĝi eklaboris inter la malsupraj truetoj.

— Ankoraŭ estas tri, pensis Lejba, kaj li eniris la drinkejon kun la singardo de spertega ĉasisto. Li serĉis ion sub la vartablo, kunprenis ion, poste li venis eksteren laŭ la sama takto. Li kaŝis la objekton inter siaj manoj, kvazaŭ li timus pro la maldiskreteco de la muroj, kaj li iris sur la piedfingroj al la pordego.

Sed jen terurajo: la ekstera laborado ĉesis tute... neniu plu estas rimarkebla.

.... Kio? Ĉu li foriris? Ĉu li for? ekfulmis tra lia menso. Kaj ĉe tiu imago li ekmordis sian malsupran lipon, kaptite de nekredebla aflikto.

— Hoho! estis nur eraro: denove komenciĝas la laboro, kaj li ekatentas pri ĝi kun la korbatoj de plej varma interesiĝo. Certe turmentis lin nekomprenebla deziro por vidi la laboron finita kiom eble baldaŭ.

— Pli rapide! pensis Lejba senpacience... pli rapide!

Nun refoje aŭdiĝis la sonorilegoj sur la monteto.

— Pli rapide, he, la tago kaptos nin! diris ekstera voĉo, kvazaŭ instigita de la volo de l' interne staranta homo.

La laboranto plivigligis sian ągadon. Ankoraŭ kelkaj movoj, kaj ĉiuj punktoj de la kvadrato estos unuigitaj.

— Finfine!

La borilo malrapide tiras eksteren la kvarangulan pecon... Eniĝas granda, muskolplena mano... Sed antaŭ ol ĝi atingus la serĉatan trabon, aŭdiĝas du blekokrioj, dume Zibal forte ĉirkaŭvolvas la liberan ekstremaĵon de ĉeno ĉirkaŭ la fiksa ŝtipo, ĉe la pordo de la kela koridoro...

La ĉeno lerte kunmetita: longa ŝnuro kun unu ekstremaĵo ligita al la ŝtipo: ĉe ioma distanco, sur la loko, kie la segita kvadrato estis malaperonta, Lejba tenis per la maldekstra mano malfermitan maŝon, dume per la dekstra li preme tenis la alian ekstremaĵon. En la taŭga momento Zibal delasis la maŝon, rapide kaptis la liberan ekstremaĵon kaj entiregis la tutan brakon.

... Dum momento estis preta la operacio... Du kriegoj akompanis ĝin, unu pro pereo, la alia pro triumfo: la mano estis »fiksita al unu loko«.

Poste estis aŭdeblaj paŝoj de forrapidantoj. La kunuloj de Georgo forlasis la kaptaĵon, kiun Zibal akiris tiom sagace.

La hebreo rapide eniris sian vendejon, ekprenis la lampon, kaj per senhezita turno altigis la meĉon tute supren: la lumo — kaptita ĝis nun en la kradetoj — saltflame altiĝis gaje kaj triumfe, kaj redonis la plenan vivon ĉirkaŭe al la nebulaj aĵoj.

Zibal pasis kun la lampo en la koridoron. La rabisto ĝemadis laŭte, oni povis vidi laŭ la streĉita brako, ke li rezignis pri vana baraktado. La mano estis ŝvelinta kaj la fingroj streĉe kunkurbiĝintaj kvazaŭ por kapti ion... Zibal alproksimigis la lampon... la febro revenis ... li tenis la lampon tro proksime, tiel ke, tremante, li altuŝis la manon de la rabisto per la arda vitro: la fingroj konvulsie kunstreĉiĝis kaj obtuza stertoro estis aŭdebla.

Zibal salte rektiĝis je tiu ĉi fenomeno... liajn okulojn trafulmis fajro de stranga inspiro. Li rideksplodis, lia rikano ekskuis la arkaĵon de la koridoro. Li rapidis en la drinkejon.

Tagiĝis.

Sura vekiĝis subite . . . ŝajnis al ŝi, ke dum la dormo ŝi aŭdis terurajn kriaĉojn. Lejba ne estis en la ĉambro. Ŝi rememoris ĉion de la hieraŭa vespero. Okazis io malbona. Ŝi elsaltis el la lito kaj eklumigis. La lito de Lejba estis netuŝita. Li eĉ ne kuŝiĝis.

Kie li estas?... La edzino ĵetas sian rigardon tra la fenestro: sur la kontraŭa monteto moviĝas aro da etaj kaj viglaj lumpunktoj, ili movis sin, saltadis, jen kaŝiĝis, jen reaperis... La kredantaro elvenis el la preĝejo de la Reviviĝa soleno. Sura malfermis iomete la fenestron kaj en tiu momento sufokitaj stertoroj penetris en ŝiajn orelojn, el la direkto de la pordego. Kun tima tremo ŝi rapidis eksteren sur la ŝtupareton. La koridoro estis lumigita. Kiam ŝi alvenis al la sojlo, terura sceno surprizis ŝin.

Sur ligna benko, kun la kubutoj sur la genuoj, kaj kun barbo apogita en la manoj, sidis Zibal. Kiel scienculo miksanta diversajn elementojn, kvazaŭ li klopodus malkovri ian subtilan sekreton de la naturo, kiun li vane serĉas delonge, Zibal fikse rigardas ian aĵon pendigitan, nigran kaj senforman, sub kiu, sur alia benko, en proporcia alto, brulas granda torĉo.

Zibal sen palpebrumo rigardas la neniiĝon de l' mano, kiu certe ne estus lin pardoninta.

Li ne aŭdis la kriegojn de la kompatindulo; tro interesa estis la vidaĵo, por ke liaj oreloj nun aŭdu... Zibal avide observis ĉiun kunkurbiĝon, ĉiun strangan streĉon de la fingroj, poste, iom post iom, la rigidiĝon de unu fingro post la alia — ili ŝajnis esti la korperoj de blato, kiuj jen kunpremiĝas, jen etendiĝas, sin ĵetadas laŭ strangaj movoj, nun rapide, poste malpli, tute malrapide, kaj fine ili iĝas inertaj pro ludo de kruela infano.

Finiĝis. La mano rostiĝis kaj malrapide ŝvelis.

Sura ekkriis:

— Lejba!

Zibal signis, ke neniu ĝenu lin... Grasa odoro de rostita viando plenigis la tutan koridoron, kraketoj estis aŭdeblaj.

— Kio, Lejba?! ripetis la edzino.

Tute tagiĝis ...Sura saltis al la pordego kaj detiris la trabon. La pordego malfermiĝis kaj kuntrenis la korpon de Georgo, pendigitan je la dekstra brako. La amaso de vilaĝanoj, ĉiuj kun brulantaj paskaj torĉetoj, enkuris.

— Kio okazis, kio?

Ili tuj mem komprenis, kio okazis...

Zibal, kiu ĝis nun sidis senmove, ekstaris gravece. Li trankvile forigis la homojn el sia vojo, por ke li povu eliri.

— Kio do okazis, hebreo, demandis iu.

— Lejba Zibal, ekparolis la vendisto kun alta tono kaj larĝa gesto, iras al Jaŝi, por ke li konfesu al la rabeno, ke Lejba Zibal ne estas hebreo... Lejba Zibal estas *goj*... ĉar li ekbruligis torĉon je la honoro de Kristo!

Kaj la viro malrapide ekiris orienten al la monteto, kiel saĝa migranto, kiu scias, ke oni ne komencas longan vojon kun rapidaj paŝoj.

El la rumana: *Tiberio Morariu.*

# IKSIONO EN LA ĈIELO

**— Benjamin Disraeli, Grafo de Beaconsfield —**
*(1804–1881)*

**El la angla lingvo tradukis George Gordon**

IV.

— Nu, Iksiono, ĉu vi estas preta?

— Jes. Kion diris Jupitero?

— Li ridetis, sed neniom diris; Li estis provanta novan robon. Ĝis nun li jam sidiĝis. Aŭskultu! la tondro. Venu!

Ili eniris kupolhavan salonegon. Seĝoj el eburo kaj oro staris vice ĉirkaŭ ronda tablo el cedro, havanta mozaikajn prezentaĵojn de la militoj kontraŭ la Titanoj. Tio estis belege laborita el arĝento kaj estis edziĝa donaco de Vulkano al Jupitero. La ora servico treege superis ĉion, kion imagis la reĝo de Tesalio pri reĝa grandiozeco. La grandega pleto figuris la konstelaciojn. Kun granda intereso Iksiono rigardis la patron de la dioj kaj homoj, kiu tamen ne rimarkis lin. Li konfesis la majestecon de tiu vizaĝo, kies balanco povis skui Olimpon. Fortikega, grandmuskola estis tiu majesta talio, kiu evidente estis senmorta tial, ke ĝi spitis la tempon. La belegaj ruĝbrunaj bukloj disigitaj sur la frunto laŭ Ĉiela precizeco, pendis sur la vangoj ardantaj en la purpura radilumo de eterna vireco.

La arogante fierega Junona sidis maldekstre de li, kaj Ceresa dekstre. La cetero konsistis el Neptuno, Latona, Minerva kaj Apolono, kaj post kiam Merkuro kaj Iksiono prenis siajn lokojn, unu seĝo ankoraŭ estis vakanta.

— Kie estas Diana? — demandis Jupitero, sulkiganta la frunton.

— Mia fratino nun ĉasas, — diris Apolono.

— Ĉiam ŝi venas malfrue al la ĉefmanĝo, — diris Jupitero.

— Nenia kutimo estas malpli konvena al diino.

— Oni ne povas atendi, ke diaj okupoj naskos diinajn morojn — diris Junona kun rikano.

— Mi ne dubas, ke Diana tuj alvenos, — milde diris Latona.

Ŝajne Jupitero kontentiĝis, kaj en tiu momento la malfrua gastino alvenis.

— Ĉu bona sporto, Dinjo? — demandis Neptuno.

— Iom tre bona, onklo. Panjo, — plue diris la fratino de Apolono sin turnante al Junona, kiun ŝi ĉiam tiel nomis, kiam ŝi deziris ŝin pacigi, — mi alportis por vi novan pavon.

Junona amis bestamikojn, kaj la donaco pacigis ŝin.

— Bakho forte laŭdis ĉi tiun vinon, Merkuro, — diris Jupitero, — sed ĝi malmulte meritas laŭdon, mi pensas. Kiel vi opinias?

— Ĝi plaĉas al mi, sed mi estas laca, kaj en tia okazo ĉia vino estas agrabla.

— Vi vojaĝis de malproksime, — respondis la Tondrofarulo. — Iksiono, plaĉas al mi vidi vin en la Ĉielo.

— Via reĝa moŝto alvenis hodiaŭ? — demandis Minerva, ĉe kies flanko sidis la reĝo de Tesalio.

— Antaŭ malpli ol unu horo.

— Ne plu parolu pri tempo, — diris Minerva kun severa rideto. — Diru, mi petas, ĉu estas io nova en Grekujo?

— Lastatempe mi tute ne estis en la societo.

— Ne nova eldono de Homero? Mi treege admiras lin.

— Ĉio pri Grekujo interesas min, — diris Apolono, kiu, kvankam bela, estis iom melankolia, sentimentala eminentulo kaj portis la ĉemizan kolumon larĝe nefermita kaj la longajn buklojn teatre aranĝitaj. — Ĉio pri Grekujo interesas min. Mi ĉiam konsideras Grekujon mia propra posedaĵo. Mi skribis miajn plej bonajn poemojn en Delfo. Mi vojaĝadis en Grekujo, kiam mi estas tre juna. Mi envias la homojn.

— Efektive! — diris Iksiono.

— Jes: ili almenaŭ povas pensi antaŭen al la fino de la enuo de ekzistado, sed por ni Ĉielanoj ne estas perspektivo. Oni diru, kion oni volas, tamen la senmorteco estas enua.

— Vi neniom manĝas, Apolono — diris Ceresa.

— Nek trinkas, — diris Neptuno.

— Manĝi, trinki, kio ĝi estas, se ne nur por vivi; kaj kio estas la vivo se ne morto, se la morto estas tio, kio ĝin konsideras ĉiuj homoj, io netolerebla kaj evitinda. Mi jam refreŝigas min nur per soda akvo kaj biskvitoj. Ganimedo, donu al mi iom.

Nu, kvankam oni konsideris, ke la nutraĵo de Olimpo estas perfekta, la mizera poeto malfeliĉe volis la du solajn objektojn, kiujn ne entenis ĝia kelo aŭ manĝaĵejo; en la Ĉielo estis nek soda akvo nek biskvitoj. Tial okazis granda konfuzo, sed fine la bardo, al kies amo al renomo estis egala sole lia timego, ke li ne grasiĝu, konsolis sin per cigno farĉita per trufoj, kaj per botelo da forta Tenedosa vino.

— Kiel vi pensas pri Homero? — demandis Minerva al Apolono. — Ĉu li ne estas rava?

— Se vi tiel pensas.

— Ne, mi deziras vian opinion.

— Vi do devis ne doni al mi la vian, ĉar via gusto estas tro delikata, por ke mi kuraĝu malsame opinii.

— De kelka tempo mi suspektas, ke vi estas iom herezula.

— Nu, la vero estas, — respondis Apolono, ludante kun siaj ringoj, — mi ne tre ŝatas Homeron. En lia tempo oni ne estimis lin, kaj niaj samtempuloj ordinare plej bone juĝas nin. Efektive, tre malmultaj havas la kapablon decidi pri aferoj de gusto. Iu aro, por iaj motivoj, decidas laŭdegi iun verkiston, kaj la granda amaso baldaŭ imitas ĝin. Ĉio ĉi estas sensincera. La nuna admiro al Homero ne estas malpli tia. Oni diras, ke mi plagiatis de li. La vero estas, ke mi ne legis Homeron de post mia infaneco, kaj mi ankoraŭ opinias, kiel mi tiam opiniis, ke li estas verkisto de la sovaĝa vervo, tamen tute mankas al li gusto. Estas sendube, ke niaj samtempuloj plej bone povas nin juĝi, kaj liaj samtempuloj decidis, ke Homero estas senmerita. Vera poeto ne estas subpremebla. Vidu, kiel estis ĉe mi. Marsias diris pri mia unua volumo, ke ĝi estas iom bona poezio ĉe ĉio, kaj, rebate verkinte satiron, mi senhaŭtigis lin vivantan. Sed kio estas la vivo? Aero. Kaj kio estas la aero? Ĉu vi scias? Mi ne scias. Ĉio estas mistero, kaj ĉio estas mallumo, kaj de tempo al tempo el la nuboj aperas kaj brilas stelo, kaj tiu stelo estas poezio.

— Belege, — ekkriis Minerva.

# Por kaj per

Mi volas gratuli al vi pro la publikigo kaj al s-ro Georgo Verda pro la verko de la artikolo »Zamenhof Eraris«. Eble mi tiel ametas la artikolon nur, ĉar la ideoj en ĝi esprimitaj tute koincidas kun la miaj. Sed ĉu ni ĉiuj ne inklinas al tia juĝo? La 24-an de majo 1932, okazis ĉi tie debato, en Esperanto, inter s-ro Sussmuth, la tiama general-sekretario de Nord-Amerika Esperanto Asocio, kaj mi, pri la sama temo, kiun pritraktas la supre menciita artikolo. Ĉeestis la plimulto de la ĉi tieaj esperantistoj; kaj s-ro Sussmuth, kiu estas bonega esperantisto (kaj jam de 35 jaroj), konsentis, punkton post punkto, miajn asertojn, ke ilia propagand-maniero, ĝenerale, estas infaneca, iel hipokrita kaj malsukcesa por nia komuna afero. Li (kaj s-ro Schmidt, kiu estas la ĉi tiea ĉefdelegito de UEA) eĉ ne penis kontrameti argumenton al jena propono mia;

»Ni forlasu la eluzitajn propagand-metodojn. Ni diru al la organizotaj esperantistoj kaj komencantoj, tuj ĉe la komenco, la *tutan veron*. Ni diru al ili, ke Esperanto estas utiliginda kaj utiligenda por la profito de ĉiuj sociaj klasoj — same kiel ĉiuj modernaj inventoj. Ke Esperanto, *per si mem*, ne pli povas fratigi homojn, ol la angla lingvo fratigis la nordanojn kun la sudanoj en la intercivitana milito de 1861—65. Ni diru al ili, ke kvankam la esperantistoj estas dividitaj en antagonismaj, ekonomiaj kaj alispecaj grupoj, ĝis kiam Esperanto iĝos memstara, ĝis kiam miloj kaj miloj da esperantistoj estos funkciantaj en diversaj klas- kaj alitendencaj grupoj — ĝis tiam tiuj grupoj havos tamen *komunan intereson je la disvastigo de la lingvo mem*. Koncize: se ni estas vere sinceraj en nia intenco sukcesigi la Zamenhofan kreajon, ĉiuj rivalaj grupoj unuiĝu en centran organizon por ellabori, ni diru, 5-jaran planon; por ekiri, metode, al tiu celo. En tiu organizo ĉiuj grupoj interkonsentu pri *unu* propagand-programo. Tia organizo povas esti *vere neŭtrala*, ĉar ĝi ne rajtus sin miksi en la aferojn de la individuaj grupoj, kies ĉefa celo ne estu la disvastigo de »nia kara lingvo«, sed la disvastigo de siaj klasaj- kaj aliaj celoj *per Esperanto*. La neŭtra a, grupoj, kiel ili estas al ni konataj, disiĝu kaj reorganiziĝu en *siacelajn*, *Esperanto-utiligajn* grupojn. La eldonajoj de ĉiuj tiuj fakoj estu vendataj kaj aĉetataj en la centra organizo egalrajte, kaj oni evitu priridadon de la afero de iu alia grupo (tion oni faru, ĝiskorfunde, en sia fak-grupo). La fak-grupoj, siaflanke, jurigu siajn membrojn, ke ili ne malhelpos per sendependaj propagand-programoj la komunan programon de Centra Organizo. Esperanto estu la celo de la Centra Organizo, kaj ĝi estu *la rimedo al la celo*, kia ajn ĝi estas, de la individuaj grupoj.

»Alia grava eraro estas, troigi, en nia propagando, la facilecon de Esperanto. Ne diru, ke oni povas ellerni Esperanton en daŭro de kelkaj monatoj, semajnoj aŭ eĉ horoj. Tiel ni perdas multajn, kiuj unue entuziasmiĝas pro tiaj troigoj. Ni diru la veron, kiu estas la plej bona propagandilo! Diru, ke Esperanto estas pli facila ol iu ajn nacia lingvo. Ekzemple, kvin- aŭ sesfoje pli facile estrebla ol la franca aŭ germana lingvoj, aŭ kvarfoje pli facila ol la hispana aŭ itala, ktp. Tiamaniere, ni povus allogi pli seriozan anaron, kiuj, anstataŭ seniluziiĝi, povus iĝi faktoroj por krei verajn, *siaspecajn*, esperantistojn. La amaso, kiun la fanatikuloj kaj la honestaj (?), sed ne instruitaj entuziasmuloj ĉiam sopiras venki, tiam venos per si mem — ne ĉar nia majstro estis geniulo, sed ĉar ĝi vidas kaj sentas ian bruon aŭ agadon (?). Sed se la sama amaso trovas, ke la bruo estis nur blufo, kiel la ĝisnuna esperantista propagando plejofte estas, ĝi tuj forlasas la kampon (same kiel en ĉiuj aliaj aferoj).

Laste, sed ne malpli grave. Estas tempo, ke ni forlasu la kutimon, ĉiam fidi je la eminentuloj ĉiuspecaj, por ke ili enkonduku por ni, ĉie ajn, Esperanton. Ni, la mortemuloj, estas nature mallaboremaj, kaj preferas, ke ĉio ekestu per ies alies laboro. Ni amegas miraklojn. Sed ili neniam okazas en movado. Nur malrapida sed konstanta kaj korekta laboro sukcesigas aferojn. Nia movado ne multe progresis, ĉar ni tro malpaciencis kaj permesis, de tempo al tempo, aŭ al senspertaj sentimentaluloj aŭ al reakciuloj, ke ili gvidu niajn rondojn. Kio estas bezonenda? Kombiniĝo de juneca emocio, sub gvido de matura (sed ne dekadenca) sperto. Nek emocio per sia fajro de nescio, nek prudento, kiu baziĝas nur sur malvarma scio, povas sukcese funkcii per si mem.«

Nu, ambaŭ sinjoroj (cetere, miaj personaj amikoj) konsentis al ĉio tio — sed tamen, de tiam, nenio ŝanĝiĝis. La plej grava punkto, kiu estis pridebatita ĉe la lasta Zamenhofa barĉo (bankedo) en Nov-Jorko estis »ĉu ni kantu la malnovan aŭ la novan melodion kun la Himno de Esperanto«. La membroj de unu grupo tre favoris la novan himnon, sed la anoj de la alia protestis, ke ĝi tro similas al la Marsejlezo.

*Georgo Saville.*

---

— Mi ne tute komprenas vin, — diris Neptuno.

— Ĉu lastatempe vi ricevis sciigon pri Prozerpina? — demandis Jupitero al Ceresa.

— Hieraŭ, — respondis la hejmama patrino. — Ŝi kaj Plutono diras, ke eble ili vizitos nin baldaŭ. Tamen nuntempe Plutono estas tiel okupita, pro mirinde granda nombro da farataj militoj, ke mi preskaŭ timas, ke li ne povos ŝin akompani.

Junona signalis al Ceresa per telegrafa kapklino. La diinoj leviĝis kaj eliris al la manĝosalono.

— Nu, bonulo, — diris Jupitero al Iksiono, tuj formetante sian kavaliran majestecon, — mi trinkas pro via bonveno botelegon da maraskeno. Apolono, al la diablo kun via poezio; kaj Merkuro, rakontu al ni unu el viaj bonaj historioj.

V.

— Nu! kiel vi pensas pri li? — demandis Junona.

— Ŝajnas, ke li estas tre agrabla, modesta juna sinjoro, — diris Ceresa.

— Mi ne dubas, ke li estas tre aminda, — diris Latona.

— Devas esti, ke li sin sentis tre embarasata, — diris Diana.

VI.

Heraklo alvenis kune kun sia junedzino, Heba; post ne longe ŝin prezentis la Gracioj, kiuj en vespera festeto estis la plej agrablaj personoj imageblaj pro tio, ke ili faris sin tiel utilaj kaj ĉiam estis pretaj por ĉio ajn. Post tio alvenis kelke el la Muzoj: Talia, Melpomena, Terpsikora, famekonataj pri la farado de ŝaradoj kaj proverboj. Plaĉis al Jupitero, ke oni amuzos lin vespere. Ankaŭ Bakĥo venis, sed, trovante ke la dioj ankoraŭ ne lasis la vinon, iris la salonon por viziti ilin.

# Rokoj

Kial ni amas vin, indiferentaj
Rokoj fieraj, eterne silentaj?

Rokoj, sur kiuj la lumo de l' hel'
Lume rebrilas — kaj kiuj malĝoje
Grizas, se grizas pezega ĉiel';
Rokoj kruelaj, al kiuj plurfoje

Fato konfidis estingon de viv',
Karaj vi estas, pro kia motiv'?

Karaj vi estas, ĉar venkon ni amas
Kaj vin plej krutajn ni venkas sen tim';
Ĉar konkereme la alton aklamas
Io en fundo de nia anim';

Ĉar elvokadas internaj postuloj
Bluon lazuran por niaj okuloj.

Tie, ĉe via soleca kulmin',
Sent' de libero jen ĉirkaŭ ni ardas . . .
. . . Paco eklulas naturon kaj nin . . .
Kaj al la vasto de l' mond' ni rigardas.

***Juliette Baudin.***

---

VII.

Ganimedo anoncis, ke oni servis per kafo en la salono de Junona. Jupitero estis en treega bonhumoro. Lia homa gasto amuzis lin. Li favoris la ĉetablan societon per rakonto de unu el siaj plej bonaj historioj en sia plej bona stilo. Ĝi estis pri Leda, ne tro skandala, tamen gaja.

— Tiuj tagoj estis tre belaj, — diris Neptuno.

— Ni povas memori, — diris la Tondrofarulo kun trembriletoj en la okuloj. — Ĉi tiuj junuloj sin trovas en malpli gaja tempo. Ne plu estas belaj virinoj. Iksiono, mi trinkas pro la sano de via edzino.

— Mi ankaŭ tutkore, kaj esperante, ke neniam ŝi estos pli proksime al mi, ol nun.

— Bone! Bone! Apolono, vian brakon. Ni iru al la sinjorinoj. La, la, la, la! La, la, la, la!

VIII.

La Tondrofarulo eniris la salonon de Junona, riverencante en maniero ne imitebla de iu ajn alia dio; ĉiuj stariĝis, kaj la reĝo de Ĉielo sidiĝis inter Ceresa kaj Latona. La melankolia Apolono staris aparte, kaj baldaŭ Minerva forkondukis lin al societo en la domo Mnemozina. Merkuro babilis kun la Gracioj kaj Bakĥo kun Diana. La tri Muzoj favoris la societon per kantado, kaj la reĝino de Ĉielo alpaŝis al Iksiono.

— Ĉu via reĝa moŝto dancas? — ŝi superule demandis.

— Sur la tero. Eĉ tie mi havas malmultan talenton, kaj en Ĉielo nenian.

— Vi vivis strangan vivon! Mi aŭdis pri viaj aventuroj.

— Reĝo perdinta sian kronon ordinare almenaŭ gajnas sperton.

— Via kuraĝo estas firma.

— Mi tro suferis, por ke mi tre ĝenu min. Hieraŭ mi estis vagulo, elmetita al ĉiu senkompata malsereno de la vetero, kaj hodiaŭ mi estas gasto de Jupitero. Dum vivo restas, espero estas, kaj kiu ridas Destinon gajnas Fortunon. Mi volonte trairus denove la estintecon por atingi la estantecon, kaj mi sentas, ke, malgraŭ ĉio, mi estas ŝuldanto al mia edzino tial, ke pro ŝia konduto, mi povas rigardi vin.

— Nenia granda spektaklo. Se tio estas ĉio, mi deziras al vi pli bonan fortunon.

— Mi ne deziras pli grandan.

— Vi estas modera.

— Eble mi estas malpli modera ol vi imagas.

— Efektive!

Iliaj okuloj renkontiĝis; la nigraj okuloj de la Tesaliano ne perdis la kuraĝon antaŭ la fulmanta rigardo de la diino. Junona paliĝis. Junono sin forturnis.

PARTO DUA.

I.

*»Aliaj diras, ke ĝi estis nur nubo.«*

Merkuro kaj Ganimedo duonkuŝis sur kontraŭaj kanapoj en la antaŭĉambro de Olimpo.

— Ĝi estas mirinda, — diris la filo de Maja, oscedante.

— Ĝi estas nekredebla! — rediris la pokalportisto de Jupitero, etendante la krurojn.

— Mizera mortulo! — ekkriis la dio, levante la brovojn.

— Malnobla Tesaliano! — diris la bela Frigiano, levetante la ŝultrojn.

— Antaŭ ne tri tagoj eljetito de inter siaj mizeraj samspecanoj!

— Kaj jam li ordonas ĉiun en la Ĉielo.

— Tamen mi ne permesos, ke li ordonu min, — diris Merkuro.

— Ĉu vere? — respondis Ganimedo. — Nu, kion vi pensas? ankoraŭ hieraŭ vespere . . . aŭskultu! jen li venas.

La interparolantoj saltis de la kanapoj; facila rido aŭdiĝis. La cedra pordo jete malfermiĝis, kaj Iksiono, vestita en vasta matena robo, eniris, antaŭen piedbatante unu el siaj pantofloj.

— Ha! — ekkriis la reĝo de Tesalio, — vi estas la ĝustaj uloj, kiujn vidi mi deziris! Ganimedo alportu al mi iom da nektaro; kaj vi, Merkuro, kuru al Jupitero kaj sciigu al li, ke mi ne ĉefmanĝos hejme hodiaŭ.

La kuriero kaj la paĝio interŝanĝis rigardojn kun indigna konsterno.

— Nu! por kio vi restas? — plue diris Iksiono, sin turnante de la spegulo, en kiun li rigardis por aranĝi siajn harojn. La kuriero kaj la paĝio malaperis.

— Do! ĉi tio estas la Ĉielo, — diris la edzo de Dia, jetante sin sur unu el la kanapoj, — kaj tre agrabla loko ĝi estas. Ĉi tiuj indaj senmortuloj bezonis, ke oni plilarĝigu al ili la menson, kaj mi esperas, ke mi efike faris la necesan operacion. Ili volis submeti min al la enuigaj, malnovmodaj, Ĉielaj afektoj, sed imagas, ke mi donis al ili ŝanĝajojn por ilia talento. Por fari, ke estu agrable al si en la Ĉielo, oni devas ordoni. Ĉi tiuj apartuloj humiliĝas antaŭ la aŭdaco de aspiranta spirito. Jupitero mem efektive estas bonegulo, kaj havas bonajn ideojn. Mi estas trea favorato, kaj neniu estas pli granda aŭtoritatulo por Ajgioĥos pri ĉiuj temoj, de la karaktero de la bela sekso aŭ la ge-



# OBSERVO

## LA ARTO EN TUNIZIO.

Tunizio, pro sia favora situacio, okupanta la mezan lokon ĉe la Mediteraneo kaj troviĝanta tiel ideale sur la vojo inter la Oriento kaj Okcidento, estis la privilegiita lando de multaj antikvaj civilizacioj.

La punika brilo, la kuraĝa potenco de la fiera Kartago, la Roma Imperio starigas ĉi tie siajn tendojn, por de tie brili kaj komerci, por de tie etendi sian politikan influon sur la tiaman mondon.

Ankaŭ la kristanismo penetras ĉi tien kaj lasas martirojn. Vandaloj venas ĉi tien, allogitaj de la riĉeco de la lando. Ankaŭ la bizanca dominado etendas ĝi ĉi tie siajn palpilojn.

Kaj la Islamo ne forgesas krei sur tiu tero sian hejmon.

Estas kompreneble, ke tiom oftaj ŝanĝoj de diversaj civilizacioj postlasas sian artistan stampon.

Sed la oftaj militoj, bataloj kaj invadoj forigas multajn postsignojn de l' pasinteco.

Ne parolante pri la antaŭhistoriaj tempoj, ni povas aserti ke la arto en Tunizio ekzistas jam en la tempo de la berberoj, la unuaj okupantoj de tiu tero laŭ nia scio.

La primitiveco de tiu arto eĉ nun ofte remontriĝas en la ŝtofoj; tapiŝoj, juveloj, argilajoj.

La dekoraciaj motivoj originas en geometriaj figuroj: punkto kaj linio, rektaj kaj zigzagaj linioj, trianguloj, kvadratoj kaj rondoj, arkadoj, dama tabulo, ombrostreketoj, kruco pli malpli ornamita ks.

La punika arto ludis certe tre grandan influon. Bedaŭrinde, nur tre malmultaj estas la restintaj dokumentoj. La sola monumento, kiun ni trovas, estas la tombo punika de Dugga, sed ĝi ŝajnas prezenti la originalan karakteron de tiu arto.

Pli da monumentoj postrestas el la romana epoko: La impona amfiteatro en El-Gem, kiu dominas la ebenajon inter Sousse kaj Sfas, la teatro kaj templo de Dugga kaj kelkaj aliaj.

En la tunizia grundo oni trovas multajn riĉajn mozaikojn, el sub kiuj oni elfosas ofte diversajn hejmajn objektojn, kiuj estis tie bone konservitaj dum la jarcentoj. La muzeo de Bardo, troviĝanta apud Tunizo, enhavas belegan kolekton de romana arto.

La kristanan epokon atestas multaj ruinoj de bazilikoj.

La invado de vandaloj kaj la konstantaj bataloj dum la bizanca epoko ne estis favoraj al la disvolvo de la arto. El tiu epoko restas diversaj konstruaj monumentoj servantaj al sindefendo de la lando.

La alveno de muzulmanoj helpis al reprospero de la arto.

La romanoj estis famaj arĥitekturistoj, la muzulmanoj estas antaŭ ĉio dekoraciistoj. La celo de ĉia konstruo por ili estas la ornamado.

La muzulmanoj preferas rapide konstrui siajn murojn, sed amplene, dum longaj jaroj, ili cizelas la ornamojn.

Kiam en Keruan ili konstruas moskeojn kaj bezonas por tio fustojn kaj kolonojn, ili tutsimple prenas ilin el la romanaj ruinoj.

La muzulmana dekoracio en Tunizio estas tre varia kaj multa: sur la arĥitekturaj elementoj, sur la tapiŝoj, silkaj brodajoj, argilajoj. Ĝi varias laŭ regiono kaj ankaŭ laŭ epokoj. Depende de la regiono oni konstatas fortan influon de najbaraj aŭ eksterlandaj regnoj.

Ofte oni renkontas eĉ tutajn vilaĝojn, diferencajn de la regiona tipo, kiel ekzemple Teburba kaj Testur, kreitajn de andaluziaj enmigrintoj.

Ankaŭ la latina influo sentiĝas ekzemple en la formo de la arkoj.

Ankaŭ la hispana-maŭra arto stampas sian karakteron en Turnizio ekzemple en la granda moskeo de Tuniso. Turkujo kun siaj alternaj blankaj kaj nigraj arkoj, Persujo kun siaj fajencaj kaheloj kaj sia dekoracia pentrado, Francujo kun la stiloj de Ludoviko XV kaj Ludoviko XVI, stiloj direktoria kaj empira, Italujo kun siaj marmoroj kaj siaj pentritaj plafonoj alportas ankaŭ sukcese sian influon al la tunizia arto.

La tapiŝa produktado ĉefe de Keruan estas konata en la tuta mondo. La tapiŝoj prezentas tre harmonian koloraron. La flave-blanka kaj grize-bruna estas la preferataj koloroj de tiuj tapiŝoj.

Ankaŭ la ceramikajoj de Tunizio estas tre konataj. Imitante la arton de l' pasintaj epokoj, tiuj ceramikajoj estas tre ŝatataj de amerikanoj. Sur verda fono plej ofte oni uzas la flavan kaj bluan kolorojn.

Gravan lokon okupas la juvelaj prilaboroj. Famaj

---

nealogio de milita ĉevalo, ĝis la fasono de robo aŭ la gusto de plado. Dankon, Ganimedo, — plue diris la Tesaliano, prenante la pokalon de la reveninta paĝio.

— Mi trinkas por via bona fortuno. Bonega! Tiu nektaro sentigas min tute senmorta. Ha! mi aŭdas dolĉajn sonojn. Kiu estas en la salonego de muziko?

— Via reĝa moŝto, la diinoj sin ekzercas je nova ario de Eŭterpa kun versajo de Apolono. Ĝi estas beleta, kaj sendube estos populara, ĉar ĝi estas pri lunlumo kaj la mizero de ekzistado.

— Ĝi ja estos populara.

— Vi mem havas guston pri la poezio? — demandis Ganimedo.

— Ne eĉ la plej malmultan, — respondis Iksiono.

— Apolono, — plue diris la Ĉiela paĝio, — estas granda geniulo, kvankam Marsuas diris, ke neniam li estos poeto pro tio, ke, estante dio, li ne havas koron. Sed, via moŝto, ĉu vi pensas, ke efektive poeto bezonas koron.

— Efektive mi ne scias. Mia edzino ĉiam diris, ke mi havas malbonan koron kaj pli malbonan kapon; sed, per mia honoro, mi neniam povis kompreni, kion signifas ŝia diro.

— Minerva petas, ke vi verku ion por ŝia albumo.

— Ĉu efektive! Mi malĝojas pro tio, ĉar apenaŭ mi povas skribaĉi mian propran nomon. Ŝajnas al mi, ke Jupitero mem ne povas multe ŝati tian sensencajon.

— Jupitero amas epigramon. Li tute ne ŝatas la verkojn de Apolono. Jupitero estas el la klasika skolo, kaj admiras satiron, se en ĝi ne estas aludoj pri dioj kaj reĝoj.

— Kompreneble: mi tute konsentas kun li. Mi memoras, ke en Lariso ni havis malbenindan poeton, kiu pruvis, ke mia familio ekzistis antaŭ la diluvo, kaj li petis min pri pensio. Mi rifuzis tion al li, kaj poste li verkis epigramon, asertantan, ke mi devenis de la ĝustaj ŝtonoj, kiujn ĵetis Deŭkaliono kaj Pirha ĉe la rehavigo de homoj al la mondo, kaj ke mi posedas ĉiujn ecojn de miaj prapatroj.

— Ha, ha! jen tondro. Mi devas kuri al Jupitero.

— Kaj mi vizitos la kantantojn. Ĉi tiun vojon, mi pensas?

— Supren per la rubena ŝtuparo, turnu vin dekstren laŭ la ametista galerio. Adiaŭ!

— Adiaŭ: jen vigla junulo!

*(Daŭrigota)*

estas ĉi tieaj ringoj, braceletoj. Promenante en la subarkadaj stratetoj de ĉi tieaj foiroj vi povas observi ilian prilaboron de arĝentaj braceletoj kaj la ĉizadon de kupraj pladoj.

Tie, en Tunizio, vi povas admiri ankaŭ aliajn laborojn: la teksaĵojn faratajn de virinoj, kiuj laboras de la sunleviĝo ĝis la sunsubiro sur tiuj arkaikaj telsiloj, teksaĵojn el silko kaj lano, kies nuancoj estas mildaj, malgraŭ la vivaj koloroj.

La muzulmanaj knabinoj brodas lertmove per kudriloj la delikatajn arabeskojn, kreante la araneajn puntojn, admiritajn de ĉiuj.

Ili kapablas teksi tapiŝojn, kiuj povas konkurenci facile la persajn kaj smirnajn.

La potistoj el la insulo Ĝerba rememorigas per siaj laboroj la vazojn el fenica, greka kaj romana epoko.

La tieaj hebreaj juvelistoj kapablas solaj krei ankoraŭ la belajn artaĵojn kun la multkoloraj emajloj enigitaj en orajn kaj arĝentajn filigranojn, kiuj rememorigas la bizancan epokon.

La tuniziaj ornamaj prilaboroj de la festaj vestoj kaj diversspecaj ledaĵoj estas tre ŝatataj.

La preferataj komponoj de muzulmanoj estas la simetrio, la ripetado, la enkadrigo kaj la elronda radiado.

La tunizia muziko servas plej ofte al la urbplacaj rakontistoj, al la lernantoj, kiuj ĉiam komune ripetas la lecionojn (kaj tio antaŭ la enkonduko de la Ĉe-metodo!...) ĉe la psalmado de funebraj kaj de liturgiaj kantoj.

En la kampoj la fluto akompanas la kanton de l' paŝtisto, la diversspecaj tamburoj helpas al serĉado de serpentoj kaj al stimulado de ĉevaloj dum la famaj arabaj ĉevalrajdaj amuzoj.

Dum ĉia amuzo, publika aŭ privata, muziko akompanas la kantojn. Ŝajne monotonaj, la kantoj varias en ĝoja ritmo, kiun akompanas tamburino. Ilin aŭskultante oni kredas pli profunde kompreni la animon de tiuj orientaj popoloj. *S. Grenkamp.*

(LB). JEROME K. JEROME. — LA FEMINISTO. La kritikistoj de Jerome kutime forgesas mencii, ke eble li estas la sola en la mondliteraturo, kiu la *viron* elektis objekto de sia satiro. La humoristoj mokas aŭ pri la »ĝenerale homa«, aŭ pri la strangaĵoj de la virino, — dum la grandaj satiristoj ofte ŝajnas insulti la viron: — sed efektive ili insultas lin pro tio, ke *ne sufiĉe li estas viro* — rilate al ilia idealo pri la viro. Ĝis nun, sole Jerome komencis primoki tiun idealigitan vir-imagon — kaj en la plej ĉarma, plej sengala maniero.

Liaj mokadoj ne estas tranĉaj, eble pro tio, ĉar li parolas en unua persono. Sed estas amuze, ke ĉiun virmanketon ni trovas en lia kolekto. La naive blindan kredon je la »faka scio«, je la amikeco, je la donita parolo de viroj, de amikoj... La ofendiĝon, se temas pri la mem-amo, la superemon de la stultulo, kiu povas sin kredi saĝa nur, se la alian, la virinon, li kredas ankoraŭ pli stulta. La geston, per kiu li volas roli kiel kavaliro de la virino eĉ tiam, kiam la motivo de lia nobla ago estis malkuraĝo aŭ egoismo. La duone amuzatan, duone tedatan sintenon kontraŭ la infanoj, kio cetere estas io multe pli ĉarma, ol la sentimentala dorlotado de la infanoj plantita en la literaturon per la influo de la virinoj. La hejman ruzemon de submetiĝinto Jerome same ne forgesas, kiel la ĉial plendeman komfortamon, kiuj du tiel komike kuniĝas en ĉiu filistrema viro. Sed li ne forgesas ankaŭ pri tiu amuza eco de la vir-kavaliro, ke la malagrablaĵojn li eldirigas — prefere per la virino. Amuza estas lia mirado pri tiaj aferoj ĉe aliaj, kiajn li trovas naturaj ĉe si: la plej tipa vira sinteno. Kaj la plej grava: la konservado de la brita digno, de la vir-fiero.

Ĉe Jerome, ĉiam la eterna infano esprimiĝas en la viro. La gapante pri ĉio miranta, tre egoista, foje sentaŭga, foje tre ĉarma infano: — kiu miras, se oni ridas pri li, sed kiu plej bonguste ridas pri la propraj mankoj — ĉe aliaj. Jerome en sia realismo ne fortimiĝas eĉ de la ekstremoj. Li ne nur akceptas, sed ankaŭ amas ĉion homan. El tiu ĉi vivkoncepto sekvas lia sinteno koncerne ne nur la viro-virino-problemon, sed ankaŭ la »ĝenerale homan.«

Lia serena angla filozofio juĝas nur amuza homa malforto tion, kion la temperamento de la sudano aŭ orientano jam vidas kulpo. De tie devenas lia rideta indulgemo. Sed de tie ankaŭ lia profunda kristaneco: li ne taksas la homan kulpon super la eblo de la pardono.

Esence li estas optimisto, kiu primokas la pesimismon, ĉar li krediĝas sin pesimisto, kiu koleretas pro ĉiu bagatelaĵo. La malsukcesoj de liaj aferoj similas al tiuj de Stan kaj Pan, el la filmomondo: — estas trankvilige vidi la troigon de la malsukcesoj, mallertecoj en la etaj aferoj, ĉar per tio instinkte oni eksentas, ke ne estas inde incitiĝi, koleretі kaj, kio estas eĉ pli grava el la vidpunkto de la optimista vivrigardo, ke, kiam iu malesperiĝas pro bagatelaĵoj, la vere grandaj kaj signifaj aferoj ne povas sammezure malsukcesi, ĉar tion oni ne povus elteni — aŭ nur pri tio oni plendegus.

Lia kroĉiĝo al la infanoj lin proksimigas al la feminismo. El virina vidpunkto la mondo ne estas alia ol ludejo de malgrandaj kaj grandaj infanoj, kiuj ĉiuj bezonas amon. Jerome sentas tion, sed li staras iom flanke, kiel la spitema knabo kaj montras figon al ili, ĉar ili ludas plenkreskulon, viron.

*La Moskeo de Barbiro en Keruan*



*Ĉambro de pilgrimantoj*

N. B. El tiu mondfama verkisto AELA eldonos dum tiu ĉi jaro »Tri homoj en Boato« kiel unuan libron de la beletristika serio.

(V.) CERVANTES DE BRUNO FRANK: Bruno Frank realigis en sia historia romano la maloftan kaj nefacilan majstrajon: montri kvazaŭ aktualaj, kiom ajn fora estu la tempo, la vizaĝojn kaj animojn de siaj figuroj. Oni memoras la neordinaran portreton pri Frederiko la II-a, kiun li prezentis en sia *Tage des Königs*, kaj ankaŭ lian Trenck, tiom profunde vivan.

Kaj en la epoko jam tiom fora, plie pro ideologio ol pro kronologio, kiam Briand renkontiĝadis kun Streseman kaj kun li klopodis forigi la militon el Eŭropo, Bruno Frank verkis la *Politische Novelle*, kiu restos valora dokumento pri la nuna historio, kvankam la figuroj estas fiktivaj.

Hodiaŭ Frank elektas kiel studkampon la hispanan oran jarcenton. Estas mirinda epoko por tiu, kiu perceptas en ĝi la fermentadon de la pasioj, la fekundecon de la ideoj, la impeton de la sociaj impulsoj. Antaŭmetante en la unua ĉapitro de sia *Cervantes* konversacion inter la hispana reĝo Filipo la II-a kaj la speciala sendito de la Papo, la aŭtoro nin avertas ekde la komenco, ke ni tie ĉi ne trovos simplan biografion de la patro de Don Kiĥoto. Cervantes estas la pivoto de tiu libro, samkiel li estas la fokuso de sia epoko; la homo, en kiu interkruciĝas ĉiuj kontrastoj, sed li ne estas ĝia vera heroo. Li montriĝas nur reprezentanto de tiu heroo, kiu ĉi tie ne estas homo, sed jarcento rigardata kiel organisma estaĵo, biologia individuo.

Rakonti la historion de epoko ne signifas rakonti la historion de la homoj ĝin travivantaj, sed montri, kiom la kolektiva fenomeno transpasas la individuan kaj malkovri en la preciza kaj delikata komplekso, kiun oni nomas jarcento, tutan sumon da destinoj ofte kontraŭaj sed kunapartenantaj al la tempospirito, al tiu jarcento, kies difinitaj kaj dependaj elementoj ili estas.

Tia ŝajnas al mi la vera signifo de libro, kia la Cervantes de Bruno Frank, kiu estas nek biografio, nek romano, nek kroniko, sed ĉio tio samtempe kaj precipe majstra pentraĵo de tiu jarcento. La aŭtoro komprenigas al ni kiom elstare certaj figuroj restas la atestantoj de sia epoko, kaj lia *Cervantes* ĉi tie aperas al ni kiel la esenca punkto, la ĉefa ŝtono, la atestanto de sia jarcento.

(V.) PRI DUO DE COLETTE. Sinjorino Colette posedas grandan meriton. Ĉiam ŝi konservas senperan kontakton kun la vivo kaj memstaran sentemon, kiu sola ebligas kompletan verkistan majstrecon, kaj, samtempe ŝi esprimas sian klaran, primitivan kaj sukoriĉan volon en senkompare harmonia formo, per la sagaca distribuo de la scenoj kaj karakteroj. Al tiu duobla talento ŝi ŝuldas sian privilegian lokon en la vico de la nuntempaj aŭtoroj.

Jam en la komencaj paĝoj de *Duo* elstaras unu el la fundamentaj trajtoj de sinjorino Colette: la neatenditeco. Tiu ja ne troviĝas en la temo mem, kiu, tute male, devenas el la plej banala fonto: geedza dramo stereotipe ĉiutaga; aventuro de edzo, kiu amas la edzinon, kaj malkovras, ke ŝi lin perfidis. Ankaŭ la maniero de la malkovro ne havas en si ion esceptan. Revenas la kutima epizodo de la letero kaŝita inter la folioj de sorbpapera mapo, kiun oni malaperigas por eviti malkovron. Kiam la edzo, Michel, demandas la edzinon pri la subita malapero de tiu mapo, li eksentas profundan konfuzon, ĉar ne estante magistrato, li absolute ne kutimas troviĝi en tiaj situacioj. Mallerte li ŝin atakas: »Kio fariĝis el tiu aĵo, tiu alia samkolora ilo, vi ja scias, pri kio mi volas paroli.« Ŝi respondas; »Kia aĵo? Atentu! Michel, vi forverŝas akvon el la florpoto.« — »Neniam, dum mia tuta vivo mi falpuŝis florpoton. Sur via skribotablo, ĉi tie, kuŝis speco de mapo. Nun ĝi forestas. Ĉu ien vi ĝin metis? Kion vi faris el ĝi? Kien vi ĝin metis?«

— »Nu, mi prove desegnis kostumojn.«

Alice, la edzino, fakte kutimas desegni robmodelojn ellabori planojn pri dekoracio kaj meblaranĝado. Ŝi devenas el multenombra kaj malriĉa familio. Unu el ŝiaj fratinoj violonludas vespere en kvartala kinejo. Alia estas robprovistino ĉe Lelong.

De tempo al tempo, ŝi ŝatas desegnadi. Estas do memkompreneble, ke ŝi konservas siajn ellaboraĵojn en la mapo. Sed regas ia stranga etoso, kiu forte impresas Michel-on. Fine, li malkovras la mapon kaj la pruvon pri la perfido de Alice. Tie ĉi aperas la tuta originaleco de sinjorino Colette. Ni povus atendi serion da scenoj koleraj, impetaj, logikaj, kiajn ĝenerale uzas la dramverkistoj. Admirinda estas la unua detalo. La amanto de Alice, Ambrogio, havas filigranan skribmanieron, kiun Michel pene deĉifras. Li vane elorbitigas la okulojn. La edzino ironie enĵetas, ke li forgesis surmeti la okulvitrojn. Li sin sentas malsperta, spitata, humiligata kaj preta plej furioze eksplodi. Sed la legado de la letero lin kvazaŭ sobrigas.

La sekva sceno montriĝas rimarkinde simpla, senartifika kaj preskaŭ naiva. Ĝi disvolviĝas en miksaĵo de soleno kaj komiko, de tragiko kaj ŝajna burlesko. La malkovro okazis kelkajn minutojn antaŭ la tagmanĝo. Nun, nepre necesas nenion ŝajnigi antaŭ Maria, la servistino. Poste la sceno rekomenciĝas en la biblioteko, post la kafotrinko. Sed ĝi perdis sian unuan impeton, la vervon de sia elirpunkto; ĝi kvazaŭ trenas sin; mil bagateloj ĝin malhelpas. Ĝi ne similas plu la ondon rompiĝantan kontraŭ la digon, sed nur senpovajn akvoŝvelojn, kirle murmurantajn. Michel ja timas, ke de ekstere oni aŭdos la eksplodon de lia kolero, kaj tio sufiĉas por lin kvietigi. Tamen ĝuste tiu lia sobriĝo incitas la edzinon kaj vekas ĉe ŝi certan malŝaton al la edzo. Ŝi esperis pli tondran ŝtormon.

Ni ne volas ĉi tie rakonti la temon de *Duo*, ĉar ĝin konsistigas nur la esenco mem de ĝia dramo. Michel klopodas alkutimiĝi iom post iom al la ideo pri la perfido de la edzino. Ŝiaflanke ŝi provas prezenti al li tiun perfidon laŭ diversaj vidpunktoj: jen kiel sentimentalan kapricon pro komunaj gustoj, jen kiel momentan voluptemon tuj forgesitan. Estas fakto, ke por Alice tiu aventuro senspure forpasis: estis nura pajlofajro. Sed la konsekvencoj de l amo kaj perfido ne samas por viro kaj por virino. Alice povas forgesi, Michel ne povas. Li ne povas, ĉar oni ne forviŝas gravan fakton per bonvolo, aŭ eĉ simple per volo. Neeblas revivigi mortinton aŭ amon.

La plej bona parto de la romano kuŝas eble en la fino. Kvankam Alice kaj Michel kune kartludas pli malpli gajhumore, ilia maltrankvila vivo fluas en ŝajna sereno, ĝis kiam fariĝas tro preme al Michel. Leginte la tri leterojn de Ambrogio, li konscias, ke mankas al li la forto iri plue. Tiuj leteroj enhavas tro da precizaj detaloj. Sen la detaloj, ago ŝajnas nenio. Perfido povas prezentiĝi abstrakte kiel morala elvojiĝo, sed ĝi povas ankaŭ fariĝi vico da konkretaj bildoj, movoplena bareliefo, kies ĉiu aparta gesto videblas kruele kaj senhonte. Obsedas Michel-on tiu bareliefo . . . Eble, se li atendus ankoraŭ ses monatojn, li certe forgesus ŝin, se ne entute, almenaŭ sufiĉe por ne morte ĉagreniĝi. Sed la impulso al memmortigo ne lasas tempon por pripensado. Tuj oni devas *agi*. Kaj tiel finiĝas la simfonio de *Duo*.

(V.) PRI »LES DÉSENCHANTÉES« DE PIERRE LOTI. (La elreviĝintinoj). Estis en oktobro 1903, ke la Vautour, kun kapitano Julien Viaud, alvenis en la rodon de Konstantinoplo. Refoje la oficiro venis al la lando de Aziyadè, kiu estis lin farinta, antaŭ ol li prenis la nomon Pierre Loti, granda verkisto. Li devis ĉifoje restadi pli ol jaron vid-al-vide de la Ora Korno, kaj dum tiu tempo li efektive vivis sian estontan romanon de »Les Désenchantées«; sian plej grandan eldon-sukceson post la »Pécheur d' Islande« (Islanda Fiŝisto).

Ĝi montriĝas entute bedaŭrinda aventuro, kiun la

## Orkideo

**— Ludmila Jevsejeva —**

*Sub la ĉiela blu' tropika*
*Vin naskis surda nokta hor'*
*Nun en kristala vazo mortas*
*Beleco ekzotika for.*

*Mi arde kisas vin, mortantan,*
*Nektaron lastan trinkas buŝ'.*
*Vin ebriigas kis' pasia,*
*Ekscitas vin la lipa tuŝ'.*

*Vin kisas mi, kaj sala larmo*
*Sin kaŝas honte gut' post gut'*
*En vaz' kristala. Orkideo*
*Mortsvenas en la amservut'.*

ĉefheroino jam rakontadis iom tro komplezeme, kaj kiun rememorigas al ni kun justa severo S-ino Raymonde Lefebvre, en sia alloga verko pri »la maltrankvila vivo de Pierre Loti« (La vie inquiète de Pierre Loti).

Jen la historio: franca verkistino, sub la nomo Marc Hélys, kaj ŝiaj du amikinoj, Zennour kaj Nouryé de Châteauneuf, filinoj de grava turka ŝtatfunkciulo francdevena, decidis imagi eksterordinaran fabelon kaj ĝin kredigi al Loti, por ludi ĉe la granda sentemulo la avantaĝan rolon de inspirantinoj. Ili skribadis al li, sin ŝajnigante aŭtentikaj turkinoj, admirantaj lian talenton. Estis en aprilo 1904, kiam Loti unuafoje renkontis apud la Bosforo la tri mistere vualitajn fantomojn. Al li tre plaĉis ilia societo. Ili sin nomis antaŭ li: Leyla, Neyr kaj Zeyneb (Djénane, Métek kaj Zeyneb, en la romano) kaj ŝajnigis fervoran emon al la liberigo de la turkaj virinoj, lin instigante al verkado de romano pri la vivo de la kompatindulinoj izolitaj en haremoj. Tiel naskiĝis »Les Désenchantées«.

La aventuro de Loti kun siaj tri falsaj turkinoj restis cetere tute ĉasta, kvankam Marc Hélys, en sia korespondado, faris el ĝi »la plej kortuŝan amromanon«. Eble ŝi sopiris esti por Loti nova enkorpiĝo de la freŝa Azyadé. S-ino Raymonde Lefebvre rimarkas tre ĝuste, ke Marc Hélys, atendinte la morton de Loti por publikigi tiun rakonton, kiun cetere la verkisto jam konis, eble mem fariĝis la unua viktimo de sia mistifiko. Kiu scias, ĉu en la romano de Leyla-Djénane, Marc Hélys ne faris pli malpli sian propran konfeson al Loti? La virinoj tre ŝatas, en literaturo, utiligi la propran sperton pri la vivo. »Ŝi eble estis Djénane pli, ol ŝi lasas tion supozi« notas tre sprite s-ino Raymonde Lefebvre, kaj tiuokaze, ŝi trovis sian punon en la aventuro de ŝi imagita. Kaj ŝi vere meritis punon tial, ke ŝi elpensis »ĉi abomenan ludon«, kiel Loti mem diris.

Marc Hélys en sia rakonto sin montras tre fiera, ke ŝi trompadis dum du jaroj faman literaturiston, vivigante al li falsan romanon de turkaj sinjorinoj, por ke li verku pri ilia necesa liberigo la pledon, kiun la aŭtentikaj turkinoj atendis de li.

Sed ni daŭrigu la la historion. La ĉefheroino, reveninta al Paris, forvojaĝis al Svedujo. Sed ŝi plu skribadis al Loti, dank' al ŝiaj helpantinoj loĝantaj en Turkio, kiuj de tie enpoŝtigis la leterojn. Kaj Leyla revenis al Konstantinoplo. Loti revidis siajn tri amikinojn kaj eĉ akceptis ilin sur la *Vautour*. Reveninte definitive en Francujon, Leyla daŭrigis kelkan tempon sian ludeton pri falsaj leteroj. Sed la plej bonaj ŝercoj estas la plej mallongaj, kaj tiu ĉi jam tro daŭris. Tiu, kiu estis iam Djénane, decidis malaperi. Ŝi skribis longan adiaŭ-leteron, kiun ni retrovas preskaŭ senŝanĝe en la romano kaj anoncis sian memmortigon. Loti ricevis eĉ informon pri ŝia morto. Ĉu ne plej bonguste?

Restis ankoraŭ la du duon-turkinoj, de kiuj Loti ne povis sin liberigi tiom facile. Kelkan tempon poste, forlasante sian familion, ili alvenis Francujon, kaj, mistifikinte la verkiston, volis lin ekspluati. Kvankam konante ilian intencon, li opiniis sia devo ne forlasi ilin. Parton de sia aŭtora rajto li eĉ transdonis al ili, kaj akceptigis de la gazeto *Figaro* iliajn artikolojn, kiujn efektive li devis verki.

Por danki lian grandanimecon, Zennour kaj Nouryé mem publikigis kaj vendis siajn aŭtentikajn leterojn, kiuj vere ne honoras ilin. Tiel finiĝis tiu malgaja aventuro. Nin konsolos la penso, ke ni ŝuldas al ĝi ĉefverkon.

(V.) PRI LA VIVO DE FIRDUSI. Persujo jus solenis la miljarfeston de Firdusi, kiun ĝi rigardas kiel la kreinton de la poezio, lingvo kaj kutimoj naciaj. Kiu estas tiu perso? Oni ĝenerale konas pli bone Omar Khayyam, vivintan en la posta jarcento, aŭ Saadi kaj Hafiz, unu, preskaŭ samtempano de Dante, la alia de Petrarca. Firdusi mortas, kiam prepariĝas la *Chanson de Roland.*

En 934 naskiĝas en Thus *Abul Kasim Mansun*, destinita fariĝi unu el la plej famaj poetoj de la mondo sub la nomo Firdusi (La Paradiza). La grandaj poetoj similas al la grandaj kapitanoj: por ilia triumfo necesas escepta kuniĝo de iliaj kapabloj kaj de la cirkonstancoj. En la tiama Perslando, islamigita de post la araba invado, la fremdaj reĝoj, unue persekutinte la religion de Zoroastro kaj la antikvan lingvon pehlevan, nun ekvekas la naciajn tradiciojn, venigas al si poetojn, kiuj donas korpon al la nova animo. Jen unu el la maloftaj ekzemploj en la homa historio pri la neceso de la poezio por veki la konscion de nacio.

Kredo, scio kaj invento formis tiam unuunuran aktivecon; estis necese multe lernadi antaŭ ol verki — kaj precipe en versoj. Ĝis sia 30-a jaro, Abul Kasim senĉese legadas kaj silente studadas. Li rakontigas al si la malnovajn legendojn kaj klopodas ilin enversigi; ĉie li serĉadas fragmentojn el ili. Efektive ekzistis iam ampleksa kronik-libro, redaktita en la pehleva lingvo, kaj de longe perdita, ĉar la mahometanoj ĝin forjetis pro religiaj motivoj. Ĝin oni poste retrovis, kaj la sultano komisiis poeton por transskribo en persajn versojn. Subite

## Marista romanco

**— Eriks Adamsson —**

*Aŭtunvespere iras mi al l' eta kabareto,*
*kie fremdsona la muzik' kaj stranga la rideto.*
*Agrablas tie danca mov', bongustas vin' el kelo,*
*vikinga, greka belulin', knabin' el orient'.*
*Pli mildas ŝia varma haŭt', ol la oranĝoŝelo, —*
*ĝin karesadi rajtas mi por peco da arĝent'.*
*Aŭtunvespere iras mi al l'eta kabareto,*
*kie fremdsona la muzik' kaj stranga la rideto.*
*Benata golf' kaj Gibraltar' donantaj ĝuotagon!*
*Benata ankaŭ la infan' de la aminda Frin'!*
*Se belulinon vidos mi, kiu ne prenos pagon,*
*Sed min rigardos kun afabl' — jen mia amikin'.*
*Aŭtunvespere iras mi al l' eta kabareto,*
*kie fremdsona la muzik' kaj stranga la rideto.*

El la latva: *N. Kurzens*

Firdusi ekscias, ke tiun poeton oni jus murdis dum festeno. Tio decidas lian sorton.

Post longa serĉado, li fine akiras de amiko la manuskripton, super kiu *pasis du mil jaroj*, kaj li faras, kion nur li povas fari. Komencinte la poemon en sia 36-a jaro, li sekrete ĝin prilaboras ankoraŭ dum 20 jaroj. *Mia poemo*, li diras, *iĝis por mi zorgo, kiun nur la ŝilento povis forigi. Mi konservis mian poemon dum dudek jaroj, ĝis mi trovis iun indan je tiu trezoro.*

Tiu aŭskultanto, kiun la poeto kredas inda je sia poemo, estas Mahmud la dua, el la dinastio de Ghazna, speco de bruta klerulo. Li interesiĝas pri Firdusi, unue, ĉar lia talento jam disfamiĝis tra la tuta urbo; due, ĉar li serĉas posteulon al sia murdita poeto. Li akceptas la novalveninton kaj donas al li privatan ĉambraron en sia palaco. Firdusi legas al la reĝo ĉiun epizodon kun akompano de muziko kaj dancado en ĉambro, sur kies muroj estas pentritaj la scenoj kaj figuroj de la teksto. Lia vivo tamen estas malgaja kaj ĉagrenita per la intrigoj de enviuloj. Pro tio lia poemo havas aparte profundan sencon: malantaŭ la grandiozaj freskoj kaj superhomaj figuroj aperas artisto plej mizera. Estas ja trajto de la persa poezia: prikanti ĝojon, gloron, feston kaj enmiksi en pompan ornamon la senliman malgajon de l' orienta animo. La *Ŝah Name* aŭ Libro de la Reĝoj, ĉi tiu teksaĵo de ravo, magio kaj sorĉo plej brilaj, estas la laboro de viro maljuna, senhava kaj ĉagrena.

Kvindekokjara, li jam sopiras morton. Li pretigis sian poemon kaj per tio plenumis sian devon: beligi la mondon antaŭ ol ĝin forlasi. Li sendas la kompletan poemon al Mahmud, kiu decidas lin rekompenci per tiom de oro, kiom elefanto povas porti. Sed pro la intrigo de la ministro, la poeto ricevas malaltan sumon, kiun li dividas kun tri amikoj, gardante por si nur la sumon necesan por aĉeti glason da vino. Jen la rekompenso de tridekjara laborado. Li kuras hejmen, bruligas milojn de versoj, kies kopion li ne havas, kaj fariĝas vagabondo. Antaŭ ol forlasi la urbon, li skribas la faman Satiron kontraŭ Mahmud. Neniu poeto parolis tiom kuraĝe al reĝo. Li skribis interalie: *Se la patro de la reĝo estus de reĝa deveno, lia filo metus oran kronon sur mian kapon.*

Mahmud, kiu estis efektive filo de sklavo, tiam ordonas persekuti la poeton kaj postulas lian kapon. La maljuna Firdusi vagadas dum dek jaroj de urbo al urbo, vizitante princojn, kiuj lin favore akceptas kun la espero, ke ili estos poreterne prikantitaj. Sed kiam ili ekscias pri la minaco de Mahmud, ili faras donacon al la poeto kaj petas lin iri plue. Tamen unu el ili kuraĝas direkti pledon al Mahmud kaj sukcesas forigi lian kruelan intencon.

Kiam Firdusi revenas al la hejma urbo li aŭdas infanon kantanta: *Se la patro de la reĝo estus de reĝa deveno*... Ho, miro, eĉ la infanoj konas lian poemon. Ĉu tio ne estas la plej granda gloro? Nun li povas trankvile morti.

En la momento, kiam la ĉerko de Firdusi eliris tra pordo de la urbo, envenis tra alia pordo kameloj ŝarĝitaj de oro, kiun Mahmud sendis al li kun honor-robo kaj pardonpeto.

La centdudekmil versoj de Ŝah Name rakontas la legendojn de la persaj dinastioj ĝis la Sasanidoj: neelĉerpebla svarmado da batalantoj kaj amatinoj, demonoj kaj sorĉoj, heroaĝoj kaj perfidoj, homamasoj pli densaj ol en la *Divina Comedia*, okazaĵoj pli grandiozaj ol en la Iliado. Jen mallonga fragmento en proza traduko:

*La Reĝidino eniras la ĉambron de Rustem.*

Kiam parto de la nokto estis forpasinta kaj dum la matena stelo brilis laŭlonge de la ĉielo, aŭdiĝis mallaŭta parolo kaj diskrete malfermiĝis la pordo de la ĉambro, en kiu kuŝis Rustem. Sklavino, tenante lampon ambrodoran en la mano, eniris kaj alproksimiĝis al la lito de la ebria heroo. Ŝin sekvis vualita virino, kun luna vizaĝo, brila kiel la suno, bela de koloro kaj parfumo. Ŝiaj brovoj formis arkajon, ŝiaj harbukloj estis oraj ĉenoj, ŝiaj lipoj similis al la rubeno de Yemen, ŝia buŝo estis eta kiel la premita koro de amanto, ŝia spirito lume radiis, ŝia korpo similis al pura animo; ŝajnis, ke nenio tera estas en ŝi.

Rustem, la heroo kun leonkoro, restis plena de miro kaj alvokis sur ŝin la benon de Dio. Li ŝin alparolis kaj demandis: — Kio estas via nomo? Kion vi serĉas en la malluma nokto? Kio estas via deziro?

— Mi estas Tehmimeh kaj mia koro velkas pro sopiro. Mi estas la sola filino de la reĝo de Semengan. Mi devenas el la raso de la leonoj kaj leopardoj. Neniu princo sur la tero estas inda je mi, kaj ekzistas nur malmultaj virinoj kiel mi sub la alta ĉielo. Neniam viro vidis min senvuala, aŭdis la sonon de mia voĉo. Sed pri vi mi aŭskultis multajn rakontojn, kiuj similas al fabeloj; mi scias; ke vi timas nek Div-on nek leonon nek leopardon nek krokodilon; mi scias, ke vi rostigas kapron por vi sola; ke la koro de la leono kaj la haŭto de la leopardo fendiĝas, kiam ili vidas klabon en via mano; ke la aglo ne kuraĝas sin ĵeti sur sian rabaĵon, kiam ĝi vidas vian glavon nuda kaj ke pro timo de via lanco la nubo verŝas sangon...

Tiaj estas la rakontoj, kiujn oni faris al mi, kaj ofte, pensante pri vi, mi mordis mian lipon; mi sentis deziron vidi viajn ŝultrojn, viajn brakojn kaj vian bruston.

Nun, Dio igis vin restadi en tiu ĉi urbo, kaj mi apartenas al vi, se vi min deziras; alie, nek birdo nek fiŝo min vidos plu.

*(El la »Libro de la Reĝoj«.)*

(V.) POSTMORTAJ VERKOJ DE NIETZSCHE. La libroj publikigitaj dumvive reprezentas nur ok volumojn el la deknaŭ de la kompletaj verkoj de Nietzche. Ĉu tio, kion li ne liveris al la publiko, formas kvazaŭ la rubojn de lia produktado, la surogaton de lia mensa alkemio? Tute male. En la rimarkinda antaŭparolo por la naŭcent fragmentoj, kiujn li tradukis kaj grupigis sub la titolon »Postmortaj Verkoj«, Henri Jean Bolle asertas, ke tiuj paĝoj enhavas la veran tekston, kies nura komentario troviĝas en la ĝis nun eldonitaj volumoj.

Por pravigi tiun vidpunkton, Bolle rememorigas pri la dueco de Nietzsche, amanto de la soleco kaj rompanto de publikaj idoloj, filozofo kaj polemikisto. Anstataŭ dividi la karieron de Nietzsche en »periodojn«, Bolle proponas, ke ni observu ĉe la granda filozofo kvin sinsekvajn »sintenojn«. Por alparoli siajn samtempanojn, Nietzsche kvazaŭ laŭvice surmetis kvin diversajn maskojn, sed al la intimaj paperoj li konfiddis tion, kio en lia penso restis »konstanta, fundamenta, filozofa«. Liaj verkoj igis nin admiri la detruantan filozofon; la postmortaj volumoj montras al ni la konstruanton. Ni ne scias, ĉu la lerta argumentado de Bolle forigos la dubon de la profesiaj filozofoj pri tiu, kiu deklaris: »Platono pli valoras ol lia filozofio«. Sed ni devas konfesi, ke tiu studo plene lumigas la esencajn principojn de Nietzsche: la teorion de la Scio, la mistikan tezon de la Eterna Reveno, la laŭperspektivan superrigardon al la civilizacio.

Ĉiufoje, kiam oni revenas al Nietzsche, oni pli profunde perceptas lian unuecon, lian multflankecon, liajn viglajn kontraŭdirojn.. Kaj ŝajnas iel neeble diferencigi ĉe li la filozofon kaj la verkiston. Eĉ en liaj intimaj notoj eksplodas formuloj kaj siblas epigramoj. Multaj liaj pensoj pri la virino tute taŭgus en komedio de Oscar Wilde: cetere ili atestas pri la plej vundebla flanko de Nietzsche: pri tiu fraŭla dogmismo, kiu ne povus rezisti eĉ la ironion de sprituliño. Sed aliflanke, per kia majstreco li kapablas elvoki la saĝulon: »Li similas al granda incendio portanta en si la propran venton, kiu ĝin ardigas kaj ĉien ampleksigas. Jen lia profunda unueco, tiu de heroo, laŭ kiu la Ŝtato naskiĝis el »heroaj impulsoj«, kaj kiu postulas spiritan heroecon de la scienculoj. Li montriĝas la vera aristokrato super la nacieco kaj la »senhonta mistifiko pri la rasoj«, ĉar li scias, ke fluas en liaj

vejnoj la sango de Platono, Pascal, Spinoza kaj Goethe. Kaj redaktante la »Dek Regulojn de la Libera Spirito« li nur celas, ke ĉiu, laŭ lia ekzemplo, fariĝu mastro kaj kreanto de si mem. Tial, la serio de la »Postmortaj Verkoj« devas esti rigardata, same kiel la »Zarathustra«, breviero de la lirika heroismo: ĝi postulas kaj rekompencas la legadon faritan laŭ la spirito de Nietzsche.

(V.) S-INO POPE-HENNESSY: EDGAR ALLAN POE. Pluraj aŭtoroj de biografio serĉis la sekreton de la genio de Poe en la nenormalaj kaj senordaj okazajoj de lia vivo. S-ino Pope-Hennessy verkante biografion pri Poe, samtempe simplan kaj kompletan, lasas al la leganto la zorgon eltiri la konkludojn, kiujn li juĝos plej logikaj, sed tamen ne kaŝas, ke la strangan sintenon de la poeto kaŭzis tre verŝajne seksa anomalio. Lia sentimenta aktiveco montriĝas misorganiza: edziĝo al dekkvarjarulino malsana kaj june mortonta, senĉesaj financaj zorgoj, ĉiama nomadismo pro nekapablo al fiksa restado. Eble la genio de Poe havas nenion komunan kun tiuj faktoj, sed lia verko konservas ilian postsignon. La trouzo de opio, la proalkoholaj krizoj — tiom pli danĝeraj, ĉar ili alternis kun periodoj de kompleta abstinenco — ne estas la fonto de la poemoj, sed la klimato sub kiu tiuj floras.

Kio certe plej interesos la leganton en la libro de S-ino Pope-Hennessy, estas la priskribo de la tiama Ameriko; bildo, kiu havas la ĉarmon de malnovaj gravurajoj, sed konvinkas nin pri la morala konflikto inter la poeto kaj lia medio. Fremda en epoko kaj lando, kiuj lin ne komprenis, Poe aperas, laŭ la esprimo de Mallarme, kiel »kvieta bloko ĉiteren falinta el malluma ruinajo«. La francoj estis la unuaj, kiuj laŭmerite taksis la genion de Poe. Oni povus sin demandi, kial li spertis nur malfidon kaj malŝaton flanke de siaj samlandanoj, kaj ne postlasis ian literaturan skolon. Eble pro tio, ke Usono ne estas lia patrolando, ĉar li devenis el irlanda familio. Sed li ricevis de siaj prapatroj ankaŭ guteton da juda sango, kio eble klarigas la obsedan ripeton de kelkaj poetikaj temoj esence »ne-amerikanaj.«

La libro de S-ino Pope-Hennessy elstaras inter la samtemaj verkoj pro la multaj tute originalaj vidpunktoj kaj pro la malkovro de la kernaj punktoj el sub la amaso da legendoj miksitaj kun realajoj. Kaj ĉio tio estas prezentita kun tiom da kompreno kaj simpatio, kiom da juĝkapablo kaj talento.

(V.) HANS FALLADA: WIR HATTEN MAL EIN KIND (Ni foje havis infanon). Tiu ĵus aperinta romano malfermas novan etapon en la vivo de la verkisto, kiun la sukceso ne limigas en iu »speco«, sed male transformas de unu libro al la alia, kvazaŭ lia evolu-kapablo estus senfina. Lia antaŭa romano, se vi bone memoras, disvolvis la vivon de mizerulo, kiu, sidinte unufoje en karcero, ne povas eviti la fatalan sorton: *kiu iam sidis en malliberejo, nepre residos.* La libro tamen finiĝas per optimisma nuanco propra al Hans Fallada: La heroo de la romano, laciĝinte de ĉiaj sortoturnoj, sopire revenas al la karcero, kie li fine trovas trankvilon. Tio karakterizas la apartan filozofion, kiu regas la tutan verkaron de la aŭtoro. Senindulge Fallada priskribas la ĉagrenojn kaj amarojn de siaj figuroj, kiujn li ŝatas prezenti kiel mizerajn estajojn, pelitajn de la sorto, sed plenajn de profunda rezigno. Tiuj estajoj akceptas la vivon sen stoika heroismo, sed kun simpla bonhumoro. Ili defendas sin per sia fido, sia naiva boneco, sia simplanimeco, en kiu regas ofte nekonscia ruzo. La Pinneberg-oj en *Kleiner Mann, was nun?* rulfalis laŭ la ŝtupoj de l' malfeliĉo, sed forigis sian ĉagrenon per kiso aŭ rideto. Por Fallada, tiu sinteno en la vivo montriĝas finfine kiel la plej taŭga savrimedo, ĉar ĝi gardas la internan memon de la individuo kontraŭ trafo de misŝanco, kaj ne enlasas vojon al la malespero. La lasta romano de Fallada prezentas similan filozofion en ĝia plej alta signifo. Estas libro, kiu donas ideon pri perfekteco, ĉar la teknika majstreco neniel malhelpas la emocion kaj spontanecon. Se oni volus laŭdi ĝian konstruon, oni devus ĝin kompari kun arbo, kies fortika viglo kaj organisma viveco nin plenigas per admiro. La kampara pejzaĝo mirinde adaptiĝas al tiu vilaĝa vivsuko, kiu depost *Bauern, Bonzen und Bomben* ne plu havis okazon radie disflui, sed kiun ni retrovas freŝa, riĉa kaj junforta. Lumigita de dolĉa kaj vera poezio, la tuta rakonto ŝajnas lulata per ironia vervo, kiu similas la rideton de Fallada mem. En libro kia *Wir hatten mal ein Kind,* verkita tiom per la koro, kiom per la spirito, la talento de Fallada plene evidentiĝis. Oni eĉ povus diri, ke kelkaj liaj antaŭaj verkoj nun aspektas kiel provoj aŭ ekzercajoj kompare kun tiu ĉi.

(V.) VIRGINA WOOLF: VIVO DE FLUSH. La pudeleto de Miss Barrett jam konkeris al si sur la scenejo kaj ekrano grandan triumfon, kaj ni ne dubas, ke li konkeros eĉ pli grandan ĉe la leganta publiko. Flush estas ja historia hundo, unue la favorato de Elisabeth Barrett, poste la fidela kunulo en ŝia memorinda aventuro.

Ĉiu certe konas la kortuŝan historion de la rava junulino, pala kaj delikata, kiu forlasas la tro preman hejmon kaj sin liberigas de la snobismo de Wimpole Street. Ŝi velkadas sur sofo, kiam subite, per la mirinda potenco de la amo, ŝi reakiras forton kaj fuĝas al Italujo, neatentante la patran koleron. Jen la romano, kies variajn okazajojn ni sekvas per la sentoj kaj ideoj de la hundeto. La ĉefan rolon tie ĉi ja ne ludas Elisabeth Barrett, sed la hundo mem, eta fajrobulo, besto plena de deziroj kaj instinktoj, simbolo de la elementa vivo, iom post iom edukita, aldomigita, adaptita al la civiliza vivo. La urba hundo nun forgesas, ke li estis vilaĝa hundo, li forgesas la naturon, la bonodoron de la malseka herbo, la densajn veprojn, la leporojn, la liberan junecon. Li rezignas la plezuron, la kapricon kaj sekve la ĝojon. Li nun estas riĉula hundo, fraŭlina hundo bonedukita, manĝanta el telero, servata de lakeoj, unuvorte moŝta hundo kombita, parfumita, severmora, dignoplena kaj anglikana. Sed tiu aristokrata hundo, vivanta en la mondo de la *happy few,* estas subite ĵetita en la inferon de *Whitechapel:* li falas el la paradizo en la teruron de la *Città dolente.* Ŝtelistoj lin rabas kaj enfermas en abomenan kelon, de kie la junulino lin liberigas per pago de granda sumo. Drama superrigardo al la kanajla kvartalo de Londono, la alia flanko de la socio, kiun ignoras la moŝtaj hundoj; tiu amaso da senjusto, malespero, venĝemo, troviĝanta ĉe la bazo de la kapitalista mondo. Drasta revelacio de vasta sufero, kiun oni volonte ignoras.

De kie venas la savo? De la amo. Tiu amo, redoninta al la junulino sanon kaj forton, prezentiĝas pere de Robert Browning: sed li estas tiom neatendita, tiom fremda al la moroj de *Wimpole street,* ke la hundo, fidela protektanto de sia mastrino, kolere gruntas je lia alveno. Sed kiu kapablas rezisti la amon? La amo forportas Miss Barrett kune kun Flush al nova vivo. En Firenze ne ekzistas plu kastoj, klasa aroganteco; apenaŭ restas sociaj distingoj inter la nobel- kaj strat-hundoj; la suno brilas egale por ĉiu! Ne ekzistas plu lakeoj por prizorgi la multvaloran pudelon, sed ankaŭ ne timo pri ŝtelistoj kaj rabistoj. Libera vagado sur la vendoplaco kaj en pli malpli bonfamaj stratoj: ja ĉiam estas trovebla ia manĝopeco, freŝa akvo fluas abunde el la publikaj fontanoj. Estas vere, ke ankaŭ puloj ne mankas. S-ro Browning decidas tondi la harojn de Flush: jen liberigo. Senbedaŭre la vagemulo forlasas la livreon de sia embarasa nobleco. Li nun mokas pri sia *pedigree* kaj ĝoje eniras en la komunan hundospecon. Li rezignas sian privilegion por koni la mondon de l' feliĉo. De nun li kanajliĝas kun senkompara ĝuo, li diboĉas kaj eĉ tranoktas eksterdome. Li sendignas en plej ĉagrena maniero; senhonte li sin montras kun stratvagulinoj, kies patron neniu konas. Li dormas kaj manĝas laŭ bontrovo. Li eĉ partoprenas popolajn manifestaciojn kaj havas pri la vivo tre cinikan filozofion. Sed ĉu ni rajtas atendi ion alian de li? Li ja estas nur hundo.

Kiam li hejmenvenas, kio okazas tre malofte, li vidas

la gemastrojn enprofundiĝintajn kun amikoj en la misterojn de l' spiritismo: ili elvokas spiritojn helpe de turniĝantaj tabloj. Al Flush tute ne plaĉas tiu metafiziko. Ĉu ne eblas akcepti la vivon tia, kia ĝi estas, ne enmiksante en ĝin supernaturajn elementojn. Ĉu plezuradi ĉe la bona suno ne valoras pli, ol tiuj vanaj distriĝoj?

Tia estas la rakonto de Virginia Woolf. Diskreta satiro kontraŭ la »stulta 19-a jarcento« kaj la antaŭjuĝoj de la »viktoriana« epoko. Oni retrovas en ĝi la humoron de Sterne kaj Fielding. Ĉu Flush, tiu edukita, spitita, glorita kaj fine liberigita hundeto, ellasita al la bona naturo, ne prezentas trafan bildon pri la angla animo, forskuanta la jugon de artefarita kaj puritana eduk:do? Kiu scias?

(B.) THE MUSICAL COMPANION. Libro tre interesa, kaj malfermanta por ni novajn perspektivojn, estas »*The Musical Companion*«, ĵus aperinta sur 752 paĝoj, en la eldono de Gollanz. La verkon prilaboris la ok plej konataj muzikscienculoj de Britujo, — inter ili *E. J. Dent:* profesoro de la universitato en Cambridge, la plej eminenta muzikesploranto de Britujo, la primuzika kunlaboranto de la Brita Enciklopedio; E. *Evans:* la esploristo de la kompara moderna muzikscienco; *Harrison:* la gvidanto de la Societo Händel; *Toye:* muzikkritikisto de la Morning Post, Daily Express kaj Outlook. Mi hontas esti lirika, kiam mi parolas pri scienca libro, tamen, mi devas diri, ke mi ankoraŭ ne legis tiel ravan kaj ĉarman muziksciencan libron. Ĝi katenis min en la vera senco de l' vorto. Mi ne scias, al kiu rekomendi unue: ĉu al esperantista eldonisto, ke li eldonu tian verkon; ĉu al la diletantaj kaj profesiaj muzikistoj, ke ili kompletigu per ĝi sian certe mankhavan muzikan instruitecon, ĉu al tiu ampleksa tavolo, kiu kredas, ke ĝi estas la »klera okcidento«, ĉar ja — kiel ili diras — »kial oni devus scipovi muzikon en la mondo de radio kaj gramofono?« Ĉi tiu libro pruvus al tiuj homoj, ke la kvanto de muzikamantoj kaj muzikkomprenantoj kaj la signifo de la muzikkulturo ege grandiĝis en Anglujo dum la lastaj jaroj pro la efiko de la radio. Laŭvorte »nombro, kiu multege pligrandiĝis en la lastaj kvar jaroj« estas la pruvo, ke la maŝino ne malpliigas, sed pligrandigas la interesiĝon pri la muzikkulturo kaj ĉiam pli multe da homoj ekkonscias, ke muziki kaj aŭskulti muzikon estas »tempopasigo kun plej daŭra valoro kaj plej perfekta kontentigo.« Tiu ĉi fakto igis motivita la aperon de la verko.

La plej nova direkto de la anglaj beletristikaj kaj artaj kritikoj forturnas sin de la laŭtaj kaj pasemaj devizoj de la moderna arto en ĉiuj branĉoj, kaj prenas novan valormezurilon. Tiu ĉi mezurilo estas la artoverko, koncipita en tiuj altoj artaj, kies purecon kaj profundan etikan seriozecon atingas nek la muziko elcerbumita por »ĉiutaga uzo«, nek la artopecoj, verkitaj por kontentigi la »modernajn artajn vidpunktojn«, kiel ajn brilantaj estu ĉi lastaj, kiel ajn laŭtan sukceson ili rikoltu kaj kvankam ili havu la plej vastan sekvantaron.

TRADICIO KAJ LIBERECO. Julien Benda meditas pri la rilato de tradicio kaj libereco. En la literaturo du aferojn oni devas distingi: estas alio *deveni* el iu tradicio, kaj estas alio oferi sin por iu tradicio. La unua estas fakto natura, kiel oni estas malalt- aŭ altstatura. La alia estas decido de la spirito, ago de la volo. Racine kaj la Bruyère neniam *volis* esti francoj. La granda fakto de la nuna epoko estas la trumpeto de la tradicio. Eĉ en la klasikaj centjaroj, la *libereco* estis la plej grava postulo de la literaturo. Nun regas la avido al spirita konformismo, nun sentiĝas naŭzo kontraŭ la libereco. La kulto de l' tradicio falsas la talenton, kiu estas ofte nura facileco kaj ironio, kaj devigas ĝin, ke ĝi »vibru sur la kordoj de la malnova Francio«. La homon kreis Dio, sed ne malutilas, se kelkfoje la homo imagas sin libera. (El Nouvelles Littéraires).

LA SKANDALO. En la *Revue de Métaphysique et de morale.* A. Ouy analizas la skandalon. Ŝtelo, rabo, murdo plej ofte estas nura policista afero, ne skandalo; por veki skandalon, devas aliĝi ankoraŭ certa surprizo, indigno, kiun vekas ne la krimo mem, sed la socia kategorio de la kriminto. La skandalo ĉiam estas atenco kontraŭ la socia ordo. La naskiĝon de skandalo ebligas la solidara spirito, tiu tute ne pruvebla supozo, ke la superaj klasoj estas pli virtemaj ol la ceteraj klasoj. Funde de la skandalo sin kaŝas malraciaj kolektivaj antaŭjuĝoj (memorigantaj pri la prelogika animstrukturo de la sovaĝuloj), mistikaj valorjuĝoj. Kaj ili direktas ankaŭ nun la sorton de la civilizitaj popoloj.

VALÉRY EN BRITLANDO. Valéry nun estas modo en la rondoj de la anglaj legantoj, kompreneble ĉe la tre kulturitaj legantoj. La konfesantoj de la poezio lin rigardas kiel la solan certan kaj trankvilan homon de la poeta konscio en la kaosa kirlomikso de la nuno. Kvankam la eseisto de la *Poetry* vidas en li unu el la »nelegataj eminentuloj«, tamen, por sinceraj kaj bonintencaj-intelektuloj, li signifas la konstantecon de la poeta idealo, kontraŭe al la svarmo de poetoj sin okupantaj pri la tagaj aktualaĵoj. Kompreneble ankaŭ li ne povas eviti la jam tradiciiĝintan komparon kun Joyce: ambaŭ klopodas al sintezo kaj ambaŭ havas moralan respondecon sentatan pri la humano. Kaj, ke en *la formo* ili malfermis novajn vojojn: tio plu ne diskuteblas.

AVERTO.

Mi konstatas, ke multaj sinjoroj, sen antaŭa pritrakto kun mi, ofte represas el kolektoj de »Lingvo Internacia«, kiujn mi aĉetis kun ĉiuj leĝaj rajtoj de la Presa Esperanto Societo. Mi atentigas ĉiujn je la leĝaj sekvoj.

*S. Grenkamp.*

# Listo de la ricevitaj manuskriptoj,

**kiujn pro diversajn motivoj la redakcio ne publikigos, sed kiujn ĝi volonte resendos al la petintoj kontraŭ respond-kupono plej malfrue ĝis la 1-a de junio 1935.**

*a)* **Originalaj poemoj:**

Juna kadukulo, Uragano.
Antaŭ nova vojo, Sincera mi estis, Sen la roso.
Gekolega lerno.
Kiu povas..., Folietoj el la Biblio.
La resaniĝo, Sen estonteco.
Al la memoro de Schulhof, Anstataŭ antaŭparolo.
Mia Vojo, Landa Fantazio.
En printempo bela.
Unua pluvo.

*b)* **Tradukitaj poemoj:**

El la Kanto de Hiawatha.
Ŝtiparoj kaj tomboj.
Figuretoj
La stranga legendo ĝenti'a.
Marveturo de Jona.
Kupletoj.
Kvar popolaj vaskaj kantoj.
La perfidanta koro.
Al la Paska Viktimo.
Floroj, kiuj neniam velkos, Junulo kaj Dioj.
Odo al la okcidenta vento.
Ĉe Nilo.
Gralkanto.
Por mi la bela, silenta sun'.
Balado de l' malliberejo de Reading

*c)* **Originalaj prozaĵoj:**

La S duceo el Amsterdamo.
Senlaborulo.
Kolero.
Japanujo festas.
La nacio, kiu sin serĉas, El ĉeĥoslovaka literaturo.
La lasta kristnasko de Krajnik.
Kongreso, se vi volas.
Bejlis.

*d)* **Tradukitaj prozaĵoj:**

Akutagava: Maljuna Susano.
Geo: Vizio.
Javiĉ A.; La dio de bono.
Klajsto: La almozulino de Lokarno.
*** Altigu la monton tri futojn...
Galyasi N.: Petro — Paŭlo ĉe la bordo de Sejno.
Maupassant: Du amikoj.
Nordström L.; La paradoksono de la Kristnakso.
Berger H.: La sukreso de Samuel Wikert.
Forsslund.; Nova arbo en la arbaro.
Lagerlöf S.; La paco de Dio.
Babel J.; Strato de Dante.
*** Kartvelaj proverboj kaj sentencoj.
Daudet Alphonse; La kaprino de sinjoro Seguin.
Blazian H.; La pentristo Grigoresku.
Oordt A. V.: Du fragmentoj el „Warhold".
Susukida; Malforta Ĝemo.
Nemiroviĉ: Prelego pri Lev Tolstoj.
Teodoreanu I.; La strato de l' infaneco.
Wolker J.; Fabelo pri kamentubisto.
Ŝnobr J.; Militon al milito.
Tamsaare A.; El „Maljunaj kaj junaj".
Teleŝov; La Fantomoj.
Wiesenfeld; Curie Sklodowska.

Felelős szerkesztő és kiadó: Bleier Vilmos. — Pestvidéki Nyomda Vácon. — A nyomdáért Bénik Gyula felelős.